XVI^a jaro. Nº 235 (3) ☆ Monata ☆ Marto 1920

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**JARA ABONO**

**Simpla abono** . . . . . . . . . . . . . **10. — Frankoj**
**Kun la membreco de UEA** . . . . . . . **12. 50 Frankoj**
**Unu numero** . . . . . . . . . . . . . . **1. — Franko**
*Svisa poštĉeko III. 2600. — La abonoj komenciĝas en januaro*

**REKLAMO**

**Anonco** (unu-centimetra kolonero) . . . . . **2. — Frankoj**
**Anonceto** (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . . **0. 50 Franko**
**Korespondado** (1 enskribo) . . . . . . . **0. 75 Franko**
*Rabatoj: 3 enpresoj 10 %: 12 enpresoj 25 %*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo kaj Administrejo: Museumsstrasse 14, BERN (Svisio)



## NUNTEMPAĴOJ

## INTERNACIA UNUIĜO DE HELPADO AL INFANOJ

**Internacia Unuiĝo de helpado al infanoj estas fondita en Ĝenevo de la Londona „Save the Children Fund“ (Fondaĵo por savi la infanojn) kaj de la Berna Komitato de helpado al infanoj, sub la patronado de la Internacia Komitato de Ruĝa Kruco. Ĝi jam komencis sian agadon. En la fonda kunveno kompetentaj vojaĝintoj donis informojn pri la terura stato de la infanoj en la laudoj de centra kaj orienta Eŭropo kaj pri la helpagado. Tiujn informojn ni sube resumas:**

La principo de la fondita Unuiĝo estas nek politika, nek religia. Kvankam ĝi tute ne neas la necesecon klopodi por la monda savo kaj paciĝo per ekonomiaj, sociaj, politikaj vojoj, ĝi limiĝas sian agadon al unu sola humana celo: Savi la infanojn, malhelpi, ke ili mortu. Infano estas respondа nek pri la eraroj, nek pri la krimoj homaj; infano suferanta, al kiu ajn grupo politika, religia aŭ socia li apartenas, meritas nian kompaton kaj postulas nian helpon. Nu, milionoj da infanoj estas mortantaj en centra kaj orienta Eŭropo. La ne mortantaj estas la plej kompatindaj — malfeliĉaj hometoj, kies duonvivo estas longa turmentiĝo.

Faktojn kaj ciferojn ni volas doni. Ĉiu konas la teruran situacion de *Aŭstrio*, kiu ne povas sin sufiĉe provizi kaj preskaŭ nenion ricevas el eksterlando pro la senvaloriĝo de sia mono. En Vieno la situacio estas pli terura ol ĉie ajn. Ĝi estas jam ofte priskribita.[1] La Amerikana agado, tre bone organizita, disdonas al cent mil infanoj de la lernejoj po unu manĝo ĉiutage. Tio estas multe, sed nesufiĉe, eĉ por tiuj infanoj; krom tio ekzistas la infanoj malpli ol sesjaraj kaj pli ol dekkvarjaraj. La tuberkulozo plej multe frapas inter la dekkvara kaj dekoka jaro. Pri tiuj ĉi infanoj sin okupas la Societo de la Amikoj. En la hospitaloj, en la familioj ĉio mankas: tolaĵoj, vestaĵoj, sapo, medikamentoj, nutraĵoj, karbo. La meza klaso estas tiel mizera kiel la laborista, la mortaleco tiel granda. Helpo ekvenas, sed mizero pli rapide progresas. Lokaj asocioj, reprezentantoj de la Ruĝa Kruco, de la Societo de Amikoj, de „Save the Children Fund“ zorgas, ke la alvenantaj vestaĵoj kaj nutraĵoj estu juste disdonataj inter la bezonantoj.

*Hungario* estas en simila stato. Tamen oni devas distingi inter urbo kaj kamparo. Tiu ĉi povas proksimume vivi per si mem, almenaŭ tie, kie la iroj kaj reiroj de l'armeoj ne ĉion detruis, sed en Budapesto ĉio mankas, precipe vestaĵoj kaj ŝuoj. La kareco de la vivo estas tia, ke la meza klaso fariĝis mizera. La situacion plimalboniĝis la politikaj bataloj.

En *Ĉeĥoslovakio* la vestaĵoj tiel mankas, ke buboj mortis de malvarmo. Nur kvarono de la loĝantaro povas haviĝi al si la plej bezonataĵn vivnecesaĵojn. En kelkaj distriktoj oni kalkulas nur unu kuraciston por 50,000 loĝantoj. La dispartiĝo de kuracistoj en la regionoj, kie ili mankas, povas esti unu el la taskoj de la fondita Unuiĝo.

En *Serbio* la malsatego ĉesis, sed dum tri jaroj la infanoj suferis de malsano aŭ de konsumiĝo pro nesufiĉa nutriĝo. En 1915 Serbio estis helpita de Ameriko kaj de Svisio. Sed en 1917 nenio venis, kaj la mortaleco estis tre granda. La infanoj precipe suferas pro manko de lakto kaj de ŝuoj; 80 % el ili estas tuberkulozaj. Plej mizeraj estas la orfoj; 200,000 infanoj ne plu havas patron, nek patrinon. Monkolektado inter Britaj infanoj ebligis la kreon de du orfejoj. Oni penas sendi kiel eble plej multajn infanojn al kampulaj familioj, sed tamen iras de vilaĝo al vilaĝo bandoj de infanoj, preskaŭ sovaĝaj, kiujn oni ne scias, kien loki, pro manko de la necesaj konstruaĵoj.

En *Germanio* la situacio estas malpli simpla, sed ne malpli terura. La sekvantaj informoj estas prenitaj el raportoj de Britaj misioj. Tuberkulozo duobliĝis, eĉ triobliĝis; ĝi precipe atingas patrinojn kaj infanojn. La infanoj malpli ol sesjaraj suferas malpli ol la pli aĝaj, ĉar la patrinoj sin tute senfortigas por ilin helpi. La infana mortaleco pligrandiĝis je 50 %. La patrinoj viktimiĝas pro du kaŭzoj: la akuŝfebro, preskaŭ malaperinta antaŭ la milito, nun terure disfrapas pro la nesufiĉeco de tolaĵo, sapo kaj karbo necesaj je desinfekto; aliparte, la patrinoj grandnombre mortas sekve de malsanoj kaptitaj dum vintraj noktoj, kiam ili baraktadis antaŭ la nutraĵtenejoj por ricevi la vivbezonaĵojn. La personoj vojaĝantaj tra Germanio ofte ne povas klare konstati

[1] Vidu en la lasta numero de *„Esperanto“*: „Por malsato-mortantaj infanoj de Centra Eŭropo.

tiun mizeron; ili estas trompataj de la lukso de l' militprofitistoj kaj novriĉuloj. Tamen, ekzistas multegaj infanoj bezonantaj helpadon. La nombro de la infanoj krimuloj estas granda. Multaj infanoj estas tiel malfortaj, ke ili ne plu ludas. Ili ŝtelas por manĝi. La Germana infanaro pereas pro nesufiĉa nutriĝo; la nutreco de la manĝaĵoj estas malsupera je 40 % kompare kun normala tempo. Oni kalkulas, ke 150,000 loĝantoj mortis de malsato ĝis 1918, kaj ĝis hodiaŭ oni parolas eĉ pri unu miliono.

Sed ankoraŭ pli multe suferas de mizeroj kaj malsanoj orienta Eŭropo. En *Polio*, ekzemple, la situacio estas terura pro la grandega nombro de trovitaj infanoj. La Internacia Komitato de Ruĝa Kruco kolektis multajn en Brest Litowsk kaj Kowel. La Pola registaro fondis kaj plivastigis orfejojn por enlandanidoj, sed restas 150,000 orfoj, plejparte Rusaj, el kiuj kelkaj duonsovaĝe vivis en la arbaro. Pri ili okupiĝos la fondita Internacia Unuiĝo.

En *Ukrajnio* la armeoj dispaŝadis ĉiudirekten sur teritorio okupata de pli ol kvar milionoj da loĝantoj; la plej bonaj teroj estas dezertigitaj. Ĉar la rublo preskaŭ nenion plu valoras, ĉar la vivkosto plialtiĝis je 50 % kaj ĉar estas tre malfacile eniri Ukrajnion, importo estas neebla kaj mizero fariĝis nepriskribebla. En tiu ĉi lando oni ne povas aparte trakti infanojn kaj plenaĝulojn. Antaŭ ĉio oni devas desinfekti Ukrajnion. Tri specoj de tifoj tie regas, krom tio malario kaj ĥolero, kaj jen oni eĉ parolas pri pesto! Tuj kiam oni transpasas Dnjepron, oni kovriĝas per pedikoj, disportantoj de tifo; ŝajnas, ke neniu povas ĝin eviti. Infanoj malpli ol sepjaraj preskaŭ tute malaperis. La hospitaloj estas militistigitaj, kaj oni ne enlasas la civilan loĝantaron. Cetere nenie ekzistas medikamento.

Se al tio ni aldonas la mizeron de la invaditaj regionoj en *Nord-Francio*, kie dum kvar aŭ kvin jaroj la virinoj kaj infanoj suferis pro nesufiĉa nutriĝo, kie ĉio mankas, domoj, hospitaloj, lernejoj, kie el ducent ekzamenitaj infanoj nur unu troviĝis en normala stato, kie nervaj malsanoj estas oftaj inter la infanoj; se oni adicias la mizerojn de tuta Eŭropo, la amasegon da nudaj kaj malsataj infanoj, epidemiojn, tuberkulozon, rakitón, degeneriĝon, oni tremas, pensante pri tiom da suferoj kaj pri la sorto de la morgaŭa mondo. Ŝajnas, ke ĝi reiras al mezepoko.

Se humanaj sentoj ne sufiĉas por movi la publikon, ĝi almenaŭ pro memintereso atentu, ke: 1e la epidemioj, kiuj antaŭeniras de oriento al okcidento, estas timinda minaco al tuta Eŭropo; 2e la mizerego antaŭeniras kaj vastiĝas pli rapide ol helpo. Kiam grandega Rusio malfermiĝos, nova mizerondego pli terura minacos Eŭropon. Oni penu haltigi tiun oceanon. Oni komprenu, ke infano suferanta sur ajn lando, kia ajn estas lia lingvo, estas kompatindulo, kiu pri politiko ne okupiĝas, sed nur petegas, ke oni lin savu kaj amu.

* * *

Feliĉe la mondo ekkomprenas; movado komenciĝas. Jam multo estas iniciatita. Svisio gastigis Belgajn infanojn en 1915, Germanajn en 1916 kaj 1917. En 1918 ĉirkaŭ 10,000 infanoj estis gastigataj kaj refortigataj. Oni daŭrigas tion fari. En Svedio lokaj komitatoj okupiĝas pri kolektado de nutraĵoj kaj vestaĵoj; trideko da vagonoj estis sendataj al Berlino, Budapesto, Vieno, kaj oni gastigos 800 infanojn. La gazetaro tre favoras tiun movadon. En aliaj neŭtralaj landoj ankaŭ oni organizas helpadon. En Brita Imperio, tuj post la militĉeso la Societo de la Amikoj batalis kontraŭ malsatego. En 1919 kreiĝis, kun apogo de Britaj eminentuloj, la Fondaĵo por savi la infanojn („Save the Children Fund"). La ministaj sindikatoj sendis ĉekon da 10,000 funtoj; propagando estas farata en industriaj centroj. Kvankam ĝi mem suferas de la militsekvoj, Italio ankaŭ helpas. La urbestraroj de diversaj lokoj, i. a. Milano, Bologna, Cremona, Novarra ktp. organizis la sendon de 10,000 Vienaj infanoj, kiuj kvar monatojn restos en la klimataj lokoj de Riviera. La trajnoj alvenas en Vieno plenaj de nutraĵoj kaj reforiras kun la infanoj. Multaj Aŭstraj infanoj estas gastigataj en Trentino kaj Venetio. La Itala Ruĝa Kruco intencas gastigi 15,000 Vienajn infanojn en la ĉirkaŭaĵo de Romo. Al la Vienaj hospitaloj oni sendis nutraĵojn por malsanaj infanoj. En Francio fondiĝis Komitato aliĝinta al la Internacia Unuiĝo; ĝi jam kolektis sumojn, precipe inter la laboristaj rondoj. La Papo faris alvokon al ĉiuj katolikoj kaj organizigis monkolekton je la 28. decembro. Li insistis pri tio, ke la kolektitaj sumoj estu dispartigataj inter ĉiuj Eŭropaj infanoj suferantaj, ne speciale inter katolikaj. Saman principon akceptis la Protestantaj Eklezioj. La Amerikana helpo montriĝis per la organizo de senpagaj manĝoj al Vienaj infanoj, pri kiu ni jam aludis. Ĝi efike agis en Armenio, kie ekzistas amasego da malsategantaj orfoj. Ilia stato postulas tujan helpon; ili dum monatoj povis sin nutri nur per plantradikoj, kaj fariĝis homruinoj. La Amerikana helpmisio laboras en Ismid apud Konstantinoplo, en Adana, kie estas 45,000 rifuĝintoj en nepriskribebla mizero, kaj en Erivan. En Armena Kaŭkazo oni taksas la nombron de la orfoj je 250,000. Epidemio de tifo ekdisvastiĝas. Brita helpmisio baldaŭ foriros al Kaŭkazio.

Sed malgraŭ tiuj laŭdindaj entreprenoj, multo, multego devas ankoraŭ esti farota, se oni volas savi tion, kio estas savebla, kiel postulas la intereso de l' tuta homaro, minacata de la disvastiĝanta malsano, kaj antaŭ ĉio humaneco. Helpu, helpu, dum estas ankoraŭ tempo! ***

 SOCIA VIVO 

# Armenio

II

Malmultaj landoj ŝajnas tiel nature destinitaj ludi potencan rolon en la historio kiel Malgrand-Azio, kuŝanta inter Eŭropo kaj Azio, limigata de maroj, dotata de bonega klimato, kovrata de riĉaĵoj. Ĝia parto Armenio estas lando de belegaj montoj, grandaj lagoj, potencaj riveroj.

La larĝaj valoj, tiuj de Erivan, Erzerum, la bordoj de l' grandaj lagoj, estas fruktoriĉaj; la cerealoj, la fruktarboj, la vinbero prosperas; en kelkaj regionoj de la Erivana provinco estas kulturata kotono. Sur la plataĵoj, la bredado — precipe de ŝafoj — estas la preskaŭ sola vivrimedo. Oni trovas kupron, oron, arĝenton kaj multajn minaĵojn; tamen la mineralaj riĉaĵoj estas malmulte konataj, neekspluatataj. La industrio estas neaktiva. Notinda estas tamen la produktado de ŝtonsalo kaj de silkokokonoj, samkiel de armiloj kaj ŝtofoj. Tabriz, Erivan, Erzerum havas komercan signifon, precipe la lasta, kiu estas krucopunkto de la karavanvojoj inter la Persa Golfo, la Kaspia kaj la Nigra Maroj. Bedaŭrinde, la komunikvojoj estas maloftaj kaj malbonaj. Tamen espereble baldaŭ konstruiĝos fervojoj, de la havenoj Mersine kaj Alexandrette, laŭlonge de l' Eŭfrata Valo, ĝis Erzerum, ligante sin kun la fervojo iranta al Tifliso, Baku — la petrolcentro —, al la Kaspia Maro, Batum ĉe la Nigra Maro kaj Eŭropa Rusio.

En la pli multaj regionoj de Malgrand-Azio, la tuta komerco kaj industrio estis inter la manoj de Armenoj. En la komerco, el 166 pograndaj negocistoj, 141 estas Armenoj, 13 Turkoj kaj 12 Grekoj; en la industrio, el 153 fabrikoj, 130 apartenas al Armenoj; el la 37 bankistoj, 32 estas Armenoj. Iliaj kampoj estas pli bone kulturataj ol tiuj de l' aliaj gentoj, kaj ilia socia stato kaj instruado superas tiujn de l' Turkoj kaj Kurdoj. Ili posedas grandan nombron de lernejoj, kaj ĉiuj iliaj kolektivaj elmontriĝoj afestas pri la vivemo kaj progresemo de la raso, prezentante frapantan kontraston kun la institucioj kaj spirito de l' aliaj gentoj en la lando. La Armenoj disvolvis, jam en la antikveco, komercan aktivecon tre brilan kaj tiel gravan kiel tiu de l' Fenicianoj kaj Grekoj. Ili estis la grandaj perantoj de l' monda komerco surtere, kiel la Grekoj kaj la Fenicianoj surmare. Iliaj karavanoj kaj kolonioj, en la XVIIa kaj XVIIIa jc., trakuris la vojojn inter Hindio kaj Eŭropo, kaj la Armenoj prosperis rapide en tuta Malgrand-Azio; iliaj nombro, riĉajoj kaj kolonioj grandiĝis, samkiel iliaj ambicioj.

La Armena raso portas la pezon de tre malnova kaj tre nuanca civilizo, kiun la raskunmiksoj ne renoviĝis. Kontraŭe ĝi konservis sian individuecon, siajn kutimojn kaj kredon, sed troviĝis ĉiam izola antaŭ la danĝero.

Ĝia ŝato pri ideoj, ĝia nekuracebla optimismo ĝin deturnis de la luktoj, kiuj liberigis iom post iom ĝiajn najbarojn. Ĝi konsentis defendi nur sian intelekton, volis regi nur per la spirito.

La malnovaj Armenaj familioj en Konstantinoplo restis, ĝis antaŭ nelonge, tre kuriozaj ekzemploj de patriarka vivo. Ili sin forsavis de la orienta korupto kaj vivis en komuneco.

Eĉ sub kruela kaj peza jugo, la Armenoj ĉiam estis instrumento de civilizo; ili, kun la Grekoj, progresigis en Turkio terkulturon, komercon kaj industrion, ĉie okupante konsiderindan situacion kaj farante grandajn servojn al Turkio. Vivanta de kulturado en la ebenajoj, la Armena popolo havas paŝtistan vivadon en la montoj, kaj diferenciĝas de alia najbarpopolo, la Kurdoj, nur per la religio. La ŝtofoj, brodaĵoj, orajoj kaj Turkaj tapiŝoj, kiujn oni admiras en Eŭropo, estas preskaŭ ekskluzive Armenaj fabrikajoj. Ĉiujn metiojn kaj profesiojn ili okupas kun facileco, dank' al sia laboremo, vigleco kaj saĝo.

Malgraŭ la multaj miksiĝoj kun Semidoj, Kurdoj, Turkoj, Mongoloj, Turkomanoj, k. t. p., la Armenoj prezentas sufiĉe tipajn trajtojn. Estas homoj, kies talio estas pli ol mezgranda; preskaŭ ĉiuj havas tre malhelajn okulojn kaj harojn, altan kaj rondan kapon, grandajn orelojn, rektan nazon ofte aglecan, kaj buŝon larĝan. La virinoj, kun malgranda talio, estas famaj pro sia beleco. Tamen, kvankam Kristanoj, la Armenoj tenas siajn edzinojn en kompleta dependeco; en Turkio, ili pasigas sian vivon en la virinejoj, kiel la Mohamedanaj virinoj.

La historio de l' Armena popolo montras ĝin pacema, laborema, ŝparema, bonfara kaj idealista. Ĝi havas kapablon por poezio, artoj kaj sciencoj. Laboremaj kulturistoj, vilaĝanoj firmligitaj al sia nasktero, ili sciis, kiam necese, adapti sin al ĉiuj profesioj de l' moderna mondo. Ekstere ili estas plej konataj kiel komercistoj, kaj interne kiel terkulturistoj.

La Armena popolo estas fundamente demokrata; en ĉiuj tempoj ĝi mastrumis siajn instituciojn per elektaj organismoj. La eklezia hierarkio ne faras escepton, kaj la supera ĉefo de l' Eklezio mem estas elektata de la tuta nacio. La Kristanismo estis predikata en Armenio en la IVa jc. de Gregorio la Iluminanto, sub la regado de Tiridato III. Nur en la fino de l' sekvanta jarcento la Armena Eklezio akceptis la monofizismon, kaj disiĝis fakte de l' Greka Eklezio. La Armena Eklezio, kiu ne ĉesis esti aŭtonoma, estas la plej demokrata el la malnovaj Kristanaj eklezioj; ĝi estas preskaŭ la sola, kie la laikoj partoprenas kun la pastroj en la elekto de l' eklezia ĉefo, la *Catholicos*, kiu restadas en la monaĥejo de Eŝmiadzin.

Se branĉetoj forŝiritaj de l' Armena trunko pasis al la Islamismo en la tempo de l' Turka konkero, la plejmulto de l' nacio restis fidela al sia religio kaj al la sento de sia unueco.

Laŭ religia vidpunkto, la Armenoj dividiĝas en Gregoriaj (la plej nombraj) kaj Unuigitaj aŭ Katolikaj. Estas ankaŭ tre malgranda nombro de protestantaj Armenoj, rekonitaj kiel aparta komunumo. La Armenoj, disigitaj de l' granda Konstantinopla Eklezio (Greka), depost la koncilio de Ĥalcedonio (451), formis ankaŭ sian nacian patriarkion, kies aŭtoritato etendiĝis al la Nestorianoj, Jakobitoj kaj aliaj Orientaj Heterodoksoj. En 1841, la Pordego permesis al la Gregoriaj Armenoj havi konsilantaron de nobeloj, por helpi civile la patriarkon; en 1847, du kunvenoj estis starigitaj, la unua por la civilaj aferoj, la alia por la religiaj; en 1856, la civila kunveno ellaboris regularon, kiu, unuanime alprenita de la ĝenerala kunveno de la nacio (1860), estis sankciita de la sultano (1863): nacia konsilantaro elektita por 10 jaroj kaj konsistanta el 140 membroj (20 ekleziaj, 40 provincaj deputitoj, 80 deputitoj de Konstantinoplo) decidas pri la gravaj aferoj kaj transdonas la malpli gravajn ĉu al religia (14 membroj), ĉu al civila konsilantaro (20 membroj). La miksitaj aferoj estas prizorgataj de la du konsilantaroj.

La Konstantinopla patriarko, kies rajtoj estas subordigitaj al tiuj de l' ĝenerala konsilantaro, venas hierarkie post la *Catholicos*. Tiu ĉi estas elektata de l' nacia konsilantaro kaj eksigebla de ĝi; lia elekto devis esti aprobita de l' sultano kaj de l' caro.

*(Daŭrigota.)* *Iv. H. Krestanov.*

---

# Orientaj Tapiŝoj

Persio, Turkestano, Kaŭkazio kaj Azia Turkio estas la ĉefaj produktejoj de la belegaj tapiŝoj, en kiuj la kolora sento unuiĝas tiel harmonie kun la dekoraj linioj; el tiuj landoj Persio estas konsiderata kiel liveranta la plej belajn specimenojn tiel pro la uzata materio kiel pro la mildeco aŭ la brilo de la nuancoj kaj la lerteco de fabrikado.

Oni scias, ke la tapiŝo estas nodita; ĝi ne estas teksita kiel ŝtofo nek stebbrodita kiel kanvasaĵo. La laboristo uzas ĉefe ŝaflanon, kaprin- aŭ kamelharojn kaj silkon. La farboj ĉe la aŭtentikaj tapiŝoj estas vegetalaj. Tio estas pli ofta ĉe la malnovaj ekzempleroj ol ĉe la modernaj, kiujn kemio fuŝis. Aluno estas la korodilo la plej uzata; vinagro, suko de vinberoj kaj de oranĝoj utilas kiel acidoj.

Verdo estas por Mohamedano la sankta koloro; oni facile rekonas laŭ lia verda turbano tiun, kiu pilgrimis al la tombejo de l' profeto; sekve la verdo ne devas aperi en tapiŝo difinita por hejmaj uzoj, ekzemple en piedtapiŝo. Estus por vera kredulo profani sanktegan senton. La aliaj koloroj, kontraŭe, estas vaste aplikataj krom la violkoloro, kiun oni vidas malofte; la bluo estas ekstraktata el la indigo, kiun Hindio liveras en plej bona kvalito, la flavo estas ĉerpata el la granata ŝelo, dum oni ricevas la ruĝon, ĉu per la Meksika koĉenilo, ĉu en la praepokoj infuzadante ŝelojn, speciale de la „coccus“ kreskanta en la Ararat-montoj.

La fabrikado de tiuj tinkturoj estas familia sekreto, kiu transdoniĝas de generacio al generacio; la receptoj kaj tinkturaj proceduj de la nomadoj de Boĥara aŭ de Ĥiva estas

tre ŝatataj, ĉar tiuj fabrikantoj uzas nur vegetalajn farbojn, kiujn la suno mildigas kun la tempo, fandante ĝeneralan harmonion sur la bone preparitaj tapiŝoj.

La orienta laboristo malgrandigas sian ilaron je la nura necesajo; ĝi estas simpla kadro, sur kiu li streĉas la fadenojn, kiuj utilos kiel subtenajo de la multkoloraj nodoj; poste, havante je sia dispono malsimilajn lanojn kaj fadenojn, per lertaj fingroj li ligas serion da nodoj unuj apud la aliaj laŭ sia dekora fantazio. Per tondilo li liberigas la fadenojn eltiritajn el la lanbulo kaj per ligna marteleto li kunpremas la nodojn por atingi densan ligajon; la mana nodigo estas des pli bona kaj ŝatata, kiam la nodoj estas pli delikataj kaj densaj. Oni tion konstatas laŭ la posta flanko; laŭ la Francaj verkistoj Goncourt, kies „Taglibro" enhavas ne nur unu dubindan rakonton, la orienta virino signas sian tapiŝon, kunnodante unu el siaj haroj, subskribo facile imitebla, kiel tiuj de multaj pentrajoj cetere.

La fabrikantoj kaj ŝatantoj distingas la tapiŝojn laŭ ilia denseco, ilia pluŝa tuŝo, la longeco de la lanoj, la amplekso; ekzistas la malgranda kvadrata tapiŝo *Tŝarhadd*, la preĝa tapiŝo aŭ *Dŝanemaz*, poste la *Sedjades*, kiu ampleksas unu metron laŭlarĝe kaj du metrojn laŭlonge; la subtileco de la fabrikado estas taksata laŭ la nombro de nodoj po kvadratcentimetro. Tapiŝo de Karassan havis ĝis 20 nodoj po kv. cm.; nomada tapiŝo havas 35 nodojn, dum Smirna tapiŝo havas nur 12. Tamen oni trovas tapiŝojn de nomadoj en Armenio, ĉe kiuj la nombro de nodoj atingas la 30 nodojn de Persa tapiŝo.

La dekorajoj de la tapiŝoj estas ekstreme variaj, malgraŭ ke oni konservas la ornamojn kaj platajn kolorigojn hereditajn el la Greka arto. La Korano malpermesas la bildigon de la profeto, de homaj vizaĝoj kaj eĉ de malpuraj bestoj; tamen la regulo ne estas laŭlitere obeata, ĉar jam en la malnovaj Sarazenaj tapiŝoj de la XII[a] jarcento, epoko de arda kredo, oni trovas bestajn figurajojn.

Sur la Persaj tapiŝoj la leono ludas blazonan rolon, li prezentas la fortikecon, la potencon, la estrecon kaj la lumon. La antilopo estas la bildo de la mondo kaj de la nokta ripozo, la hundoj kaj lupoj prezentas famon kaj honoron; oni renkontas ankaŭ aliajn simbolojn devenantajn de Ĉinaj konceptoj; ekzemple kvin oktogonoj, kiuj prezentas la kvin elementojn, nome akvo, ligno, fajro, metalo kaj tero, kiuj devas forigi la malbonajn spiritojn; la karakterizo de la fenestraj tapiŝoj estas la krucaj aranĝoj de la fonaj ornamajoj; oni retrovas ilin en la belaj specimenoj, kiujn Carpaccio pendigas je la balkonoj de la domoj en siaj famaj pentrajoj de S-ta Georgo de la Grekoj en Venezia. La tuta floraro de Persio kaj ĝia tiel varia stiligo reaperas sur la tapiŝoj de Ŝiro kun birdaj plumaroj kaj ofte belskribaj temoj; sur la malnovaj tapiŝoj la Koranaj paragrafetoj najbaras kaj interplektiĝas kun arabeskoj, kies signifon ne ankoraŭ trovis la komentaristoj, ĉar la preĝo kaj la skribo estas ligitaj ĉe la Mohamedanoj laŭ mister j kaj simbolaj rilatoj.

La porpreĝa tapiŝo prezentas kelkajn apartecojn: je unu el la ekstremajoj estas kupolo, kies pinto devas esti direktata al Meko je la vespera horo; sube oni rimarkas triangulon, kies pinto signifas la sanktan moskeon, fine kombilon, rememorigantan al la kredanto, ke li devas sin lavi antaŭ ol interparoli kun Allah. Preĝante la Mohamedano prenas sian rozarion, la *Tesbih*, kunmetatan el 99 ŝtonoj dispartigitaj en tri vicoj per kvasto aŭ pli valoraj gemoj, kaj premas ĝin inter siaj fingroj elparolante la sanktan nomon. Sole la Sunitoj rezignas je la rozario kaj nur elstreĉas siajn fingrartikojn je la preĝa horo; la diversaj ritoj de tiu liturgio vidiĝas per aliaj simboloj sur la uzataj tapiŝoj.

Kion diri pri la magio de la koloroj, de la ŝanĝaj rebriloj, de la ludo de la nuancoj kaj pri la impresoj de melankolio kaj kvietigo, kiujn ili naskas? Kiel priskribi la multenombrecon de la ornamoj kaj dekoroj? La plumo estas nekapabla analizi kaj esprimi la artajn sentojn, kiujn donas bela tapiŝo: ili estas forkurantaj nuancoj kvazaŭ disŝutita parfumo, helaj kolortuŝoj, sub kiuj delikata impreso de l'okulo aŭ de la spirito nin logas, nebula neprecizajo, kiu subite vaporiĝas, intermiksitaj kaj nedaŭraj impresoj, kies subtilecon povas kapti nur meditema animo.

Trad.: *Renaud Richez.*

---

# La papermono dum la Franca revolucio

La nuntempa malplivaloriĝo de la mono en la militintaj ŝtatoj, sekve de la amaseldono de papermono, rememorigas pri simila krizo okazinta dum la tuta daŭro de la Franca revolucio. Ankaŭ tiam la senĉesa eldonado de papermono kaŭzis grandegan plialtiĝon de la prezoj, teruran ekonomian krizon, fine bankroton. Sed la krizo estis malpli grava ol la nuna en tiu ĉi senco, ke ĝi estis nur Franca.

Parte kaŭzita de la malbona ekonomia administrado dum la malnova reĝimo, la Franca revolucio neniam sukcesis venki la financajn embarasojn. Je la fino de 1789 la ŝtato estis bankrotonta, kaj ĉar tion volis nepre eviti la Konstituanta Kunveno, oni devis trovi novajn rimedojn. Ĝi do dekretis, je la 21 decembro 1789, la kreon de „eksterordinara kaso", provizota per la vendo de naciaj bienoj, patriotaj donacoj kaj aliaj enspezoj; tiu kaso celis repagi la nekonsoliditan ŝuldon, malpliigi la konstantan ŝuldon kaj havigi al la registaro diversajn sumojn. Por plenigi ĝin, la leĝo fiksis la aŭkcian vendadon de la eklezìaj kaj ŝtataj proprajoj ĝis sumo da 400 milionoj da funtoj, prunteprenon de 80 milionoj ĉe la Diskonta Kaso (al kiu jam estis ŝuldataj 184 milionoj), fine la eldonadon de 400 milionoj da asignobiletoj *(assignats)*.

Kiel volis la leĝofaranto kaj kiel montras la egaleco de la sumoj, tiuj asignobiletoj devis servi por la aĉeto de la vendigataj naciaj bienoj, tuj liverante monrimedojn al la registaro. Ili estis kvazaŭ hipotekaj biletoj, garantiitaj per naciaj bienoj. Oni antaŭvidis, ke je la fino de 1795 ĉiuj asignobiletoj estos revenintaj en la ŝtatkason. En la komenco oni eĉ fiksis procenton da 5 % ĉiujare enkasigotan de la paperposedanto, sed jam en aprilo 1790, tiu procento estis malaltigita je 3 %, kaj oni dekretis la devigan akcepton de la asignobiletoj. Baldaŭ oni nuligis la procenton kaj pligrandigis la eldonon: je la fino de septembro 1790, ĝi atingis 1200 milionojn kontraŭ garantio ne superanta 400 milionojn.

De tiu momento, la ĝusta vojo ne plu povis esti reatingata. En junio 1791, estis voĉdonata nova eldono de 600 milionoj; samtempe oni decidis presigi biletojn por sumoj malsuperaj je 200 funtoj. Efektive, ĝis tiam, por ke la papermono ne elpelu el la merkato la metalmonon, oni ne estis presiginta malgrandvalorajn biletojn. La 100-funta bileto, kiu en januaro 1790 valoris 96 funtojn en metalmono, 95 en julio, 91 en januaro 1791, estis falinta je 87.

Al la jam eldonitaj 1800 milionoj, la Leĝofaranta Kunveno aldonis 900 novajn milionojn. Tial, la kurzo de la asignobiletoj falis ĝis 72 en januaro 1792 kaj ĝis 61 en julio 1792. Je la ekkunsido de la Konvencio (septembro 1792), ilia valoro atingis nur 51 Fr.; tio ne malhelpis la Konvencion eldonigi ankoraŭ 7247 milionojn da asigno-

biletoj. Por kontraŭbatali la malplivaloriĝon, oni malpermesis la uzon de la metalmono, eĉ je mortpuno (dekreto de 5 septembro 1793), fiksis maksimumajn prezojn de la negocajoj, sed la ekonomia vivo fariĝis malfacilega kaj la vendajoj malaperis el la merkato. La ekonomiaj leĝoj montriĝis pli fortaj eĉ ol la gilotino, kaj la asignobileto plu falis.

En julio 1793, okazis la unua bankroto: la asignobiletoj kun la reĝa bildostampo (presitaj ĝis somero 1792) kaj superaj je 100 funtoj estis malvalorigitaj, sen kompenso al la posedantoj, sub la preteksto, ke nur aristokratoj povas havi tiel altajn biletojn. Sed eĉ tiamaniere malpligrandigante je 558 milionoj la cirkuladon de la asignobiletoj oni ne sukcesis daŭre pligrandigi ties aĉetpovon; la diferenco inter la garantio kaj la eldonita papermono estis tro granda, por ke ĉi tiu povu reakiri krediton. La malaltiĝo ne estis daŭre venkebla. De 23 Fr. en julio 1793 oni ja sukcesis reatingi 40 en januaro 1794, sed jam en 1794, 100 Fr. paperaj valoris nur 34 Fr. metalajn.

Robespierre estis renversita; la Thermidor'uloj ekprenis la regadon. Sed ĉar ili daŭrigis eldoni papermonon, la politikaj ŝanĝoj estis senefikaj; la asignobileto ankoraŭ plimalaltiĝis; en januaro 1795 ĝi valoris jam nur 18 Fr.

Sub la reĝimo Direktoria, la samaj kaŭzoj naskis la samajn efikojn. Por aĉeti 24 Fr. arĝentajn, oni devis elspezi 238 Fr. paperajn la 1 aprilo 1795, 299 la 1 majo, 439 la 1 junio, 808 la 1 julio, 807 la 1 aŭgusto, 1101 la 1 septembro, 1205 la 1 oktobro, 2588 la 1 novembro, 3575 la 1 decembro, 4658 la 1 januaro 1796, 5337 la 1 februaro, 7200 la 1 marto.

La prezo de la negocajoj proporcie pligrandiĝis. La ŝtatoficistoj apenaŭ povis vivi, la rentuloj mortis de malsato; nur tiuj armeoj, kiuj vivis sur fremda teritorio, havis tolereblan sorton. La asignobiletoj preskaŭ nenion plu povis aĉeti; la pli granda parto de la cirkulado fariĝis sen ili. La prezoj estis eksterordinaraj: ekzemple, paro da ŝuoj kostis 8000 ĝis 10,000 Fr. en papermono, funto da butero 600 ĝis 700 Fr. (Similaj prezoj ekzistas nun en Rusio pro la malvaloriĝo de la rublo.) Tiuj ciferoj ne mirigas, se oni scias, ke dum sia kvinjara ekzisto la Direktorio eldonis 35 miliardojn 603 milionojn da papermono. Ĝi eĉ kreis specialan paperfabrikejon nur por tiu celo.

Kiam la asignobiletoj perdis preskaŭ sian tutan valoron, oni provis redoni al ili aĉetpovon, interŝanĝante ilin kontraŭ tiel nomitaj „teritoriaj mandatoj". Dum la asignobiletoj povis servi nur por pagi la naciajn bienojn aŭkcie vendatajn, kaj kies prezo altiĝis proporcie al la malplivaloriĝo de la papero, la „teritoriaj mandatoj", kreitaj en marto 1796, estis senaŭkcie repageblaj per naciaj bienoj. Tamen ili ne plu trovis krediton, kvankam la 2 miliardoj 400 milionoj eldonitaj estis hipotekataj per bienoj da 3 miliardoj 785 milionoj. Same kiel la asignobiletoj kaj eĉ pli rapide, ili malaltiĝis tiel, ke ilia valoro fariĝis nula.

Oni devas tamen konstati, ke la ideo de la asignobiletoj estis neniel absurda kaj estus restinta praktika, se la eldono estus proksimume kovrita de la garantio. Estis tro malfrue, kiam oni provis tion fari; la konfido estis for. Oni devas ankaŭ konstati, ke rilate la militistan reziston, la asignobiletoj, eĉ malplivaloriĝintaj, faris servojn, kaj ke ili precipe montriĝis utilaj per la dispecigo de la grandaj feŭdaj bienoj.

Laŭ *Prof. O. Karmin.*
Trad.: *A. R.*

---

# El historio kaj vojoj de la kontraŭtuberkuloza batalo

La ideo de malsano estas kunligita kun ideo de sano kaj de bona farto, kaj tial batalas homo kontraŭ malsanoj jam de plej antikvaj tempoj. En la plej malnovaj kaj antaŭhistoriaj tempoj kunligiĝis la ideo de malsano kun ideo de iu demono, de iu malbona spirito, kiu ekloĝas en homo, kaj la kuracado estis kunligita kun supernaturajoj kaj sorĉoj. La kuracistoj estis aŭ pastroj aŭ sorĉistoj, kaj ili uzis kiel sanigilojn diversajn nenaturajn rimedojn kiel: miraklojn, forigadon de sorĉoj, oferdonojn al la dioj, aljurigojn aŭ ekzorcizojn por forpeli la malsanon. Ankaŭ en hodiaŭa tempo ĉe popoloj starantaj sur malalta ŝtupo de kulturo, la popola kuracmaniero estas tre stranga. Tiel, ekzemple, dank' al la etnografiaj verkoj de Talko-Hrincević kaj Verenko, ni scias, ke en suda Rusio oni rekomendas kontraŭ tuberkulozo kapon de vulpo, ne tute freŝan, senhaŭtigi, kuiri en akvo kaj la dekokton uzadi por bano. La efiko devas aperi post kelkfoja banado. En aliaj regionoj oni rekomendas kiel bonegan kontraŭtuberkulozan rimedon la restajon de akvo, restintan post trinkigo de ĉevalo en la sitelo kaj kunmiksitan kun ĝia salivo. En alia distrikto estas mirakla rimedo kontraŭ tuberkulozo litaj cimoj sekigitaj kaj pulvorigitaj aŭ eĉ vivaj, pistitaj kun sukero. En alia distrikto la ftizulo eksidas rajdmaniere sur ŝovelilo, kaj malantaŭ li eksidas la vilaĝa fuŝkuracisto ankaŭ rajdmaniere sur balailo, kaj ili trifoje ĉirkaŭrajdas ĉirkaŭ la korto kaj dume la fuŝkuracisto vokas „ftizo, malbono, iru for ekster la pordegon". Poste ili forrajdas tra la pordego. Tiu ĉi ceremonio ripetiĝas dum tri sinsekvaj tagoj.

Kaj tamen jam Hipokrates, kiu naskiĝis ĉirkaŭ 460 jaroj antaŭ Kristo, estis la unua kuracisto kaj pensulo, kiu malakceptis ĉiun supernaturecon ĉe la disvolviĝo de malsanoj kaj ĉiun partoprenon de demonoj aŭ de malbonaj spiritoj. De Hipokrates datiĝas ankaŭ la komenco de la scienca medicino, kaj li estas konsiderata kiel la kreinto de la precizaj kaj sciencaj ideoj pri malsano. Same Hipokrates kiel aliaj eminentaj kuracistoj en antikva tempo, ekzemple Celsus, Aretaeus, Galeu, Paŭlo el Egina k. a. konis tuberkulozon (ftizon) kaj difinis ĝin kiel ulceron de pulmoj. Ili estis tre lertaj observuloj, kaj ĉar la hodiaŭaj kuracistaj helpiloj kaj la novaj eltrovajoj de la nuntempa medicino estis al ili nekonataj, tial ili tiom pli profunde studadis kaj observadis la aspekton de malsanulo kaj de liaj eksteraj simptomoj, kaj tial ili estis majstroj en priskribado de malsanbildoj, de historioj de malsano kaj de aspekto de malsanuloj. Tiutempaj priskriboj klinikaj restis ĝis hodiaŭa tempo en la trezoro de kuracoscienco. Ofte kuracistoj ankaŭ hodiaŭ nomas iajn simptomojn per nomo de Hipokrato, kiu ilin la unua priskribis, ekzemple: la vizaĝo Hipokrata, la ekskuo Hipokrata, k. t. p. El tiuj antikvaj tempoj restis ĝis hodiaŭa tago la priskribo de aspekto de ftizulo kun liaj okuloj kaviĝintaj, travideblaj kaj brilantaj, kun ruĝiĝaj vangoj, abunda ŝvito kaj senĉesa tuso kaj sangokraĉado.

La pozicio de kuracisto kontraŭ tuberkulozo de tempo Hipokrata preskaŭ ĝis dua duono de la 19ª jarcento estis ekskluzive kaj sole individua. Nur la malsanulo mem estis sola kiel individuo kaj ekskluziva objekto de kuraco. La kuracisto, se li ne povis lin sanigi, klopodis almenaŭ mildigi liajn suferojn, malpligrandigi lian tuson kaj kraĉadon, kaj malaltigi la febron. Sammaniere oni flegis ankaŭ aliajn malsanojn nur individue, krom la malsanuloj je pesto, lepro kaj ĥolero. La kaŭzo de tuberkulozo kaj ĝia esenco estis al antikvaj kuracistoj same nekonata, kiel al kuracistoj de la 18ª jarcento. Oni ne scias tute certe, ĉu infekteco de tuberkulozo estis konata de la antikvuloj.

Dum la mezepoko la kuracista scienco restis pri tuberkulozo en mallumo. Oni nur provis diferencigi diversajn specojn kaj kategoriojn de tuberkulozo laŭ okulvideblaj simptomoj. Tiel ekzemple Morton elkalkulis 14 kaj Sauvage 20 specojn de tuberkulozo. Krom tio oni laŭ suprajaj anatomiaj esploroj multe diskutis pri la esenco de tuberkulozo kaj plejparte konsideris ĝin kiel inflamon de pulmoj. El mezepoko ni havas kelkan scion pri t. n. skrofulozo, kiun la nuntempa medicino konsideras kiel lokan tuberkulozon loksidan en limfaj glandoj. Nome la Francaj kaj Anglaj reĝoj havis, kiel oni diris, dank' al Dia graco, miraklan privilegion de kuracado per reĝa tuŝo al malsanuloj. Oni sciigis pri la tago kaj loko, kiam kaj kie tiu ĉi ceremonio okazos. Tiu ĉi kutimo de reĝa tuŝado al skrofulozuloj daŭris en Anglio ĝis komenco de 18a jarcento kaj en Francio ĝis 1824 t. e. ĝis Karlo Xa. Dank' al tiuj ĉi ceremonioj ni eksciis, ke la skrofulozo estis tiutempe disvastigita, kaj ke ekzemple nur el sola Hispanio ĉiujare ĉirkaŭ 500 malsanuloj turnis sin al la Franca reĝo, ĉar oni diradis: „la reĝo ilin tuŝas, Dio ilin kuracas." En tiu tempo oni komencis konsideri pusantan skrofulozon kiel infekta, kaj en duono de 17a jarcento iu pia virino fondis en Champagne izoligan malsanulejon por „infektigaj" skrofulozuloj.

Ankaŭ konvinko pri infekteco de pulma tuberkulozo komencis tiam malrapide disvastiĝi, sed ĉefe nur en suda Eŭropo. Tre interesa dokumento pri tiu ĉi fakto estas edikto, eldonita en 1751 de Ferdinando VIa la Hispana. Laŭ ĝi uzado de tolajo, mebloj kaj objektoj apartenantaj al malsanuloj aŭ mortintoj je tuberkulozo kaj aliaj infektaj malsanoj estis danĝera, kaj oni devis ilin forbruligi. La estraro devis protokoli liston de vendataj malnovaj objektoj kaj permesi nur komercon kun tiuj objektoj, kiuj havas ateston pri sia sendanĝereco. La kuracistoj devis informi la registaron pri la gemalsanuloj kaj gemortintoj je ftizo. En okazo de malzorgo, ili devis pagi monpunon, la unuan fojon 200 dukatojn, kaj estis haltigataj en sia profesio por templimo de unu jaro; la duan fojon atingis ilin monpuno de 400 dukatoj kaj forpelo el patrujo por kvar jaroj. Ĉiuj aliaj personoj flegantaj malsanulon kaj la servistaro, se ili malzorgis avizi pri ftizo, estis punataj la unuan fojon per 30-taga malliberejo, la duan fojon kondamnataj je kvar jaroj de galeroj. Ĉiuj estraroj civilaj, pastraj kaj militistaj devis aranĝi en civilaj kaj militistaj malsanulejoj forbruladon de ĉiuspeca tolajo uzita de ftizuloj.

Tridek jarojn poste (en 1782), Filipo IVa, reĝo de Napolo, Sicilio kaj Jeruzalemo, ordonis per trumpetoj anonci sur stratoj kaj placoj de Napolo la „instrukcion por la publiko" pri infekteco de ftizo, redaktitan de Napola medicina fakultato. Ankaŭ tiu ĉi edikto punis preterlason de informo per monpuno de 100 dukatoj, malliberejo, galeroj kaj ekzilo el la regno.

Tiel do en sudaj landoj de Eŭropo, en Hispanio, sur Balearoj, en regiono de Romo kaj en la Napola reĝolando oni kredis jam en duono de 18a jarcento je infekteco de tuberkulozo. Ĝin konfesis la medicina fakultato, kaj la popolo ĝin akceptis. Dume la resto de Eŭropo nenion sciis pri tio.

Memkompreneble kaŭze de la supre menciitaj ediktoj kreiĝis certaj kutimoj kaj manieroj de konduto kontraŭ la ftizuloj. Ili estis ofte kaŭzo de grandaj malagrablaĵoj, de konfliktoj kun la ĉirkaŭantaro, kiuj estis tute nekompreneblaj eĉ por kleraj personoj kaj inteligentuloj, kiuj alvenis el nordo de Eŭropo suden, ekzemple por kuracado de pulmaj malsanoj. Tiajn turmentojn suferis inter aliaj ankaŭ la glora komponisto Chopin, kiu, malsana je pulmoj, akompanata de Sinjorino George Sand, ekvojaĝis ĉirkaŭ 1838, por kuraciĝo sur la insulon Majorko (Balearoj). La priskribon de liaj turmentoj ni trovas en letero de George Sand, kiu skribas laŭvorte: „Jen mi revenis Francion post la plej malfeliĉa provo de vojaĝo, kiun oni povas al si imagi. Post milo da klopodoj kaj grandegaj monelspezoj ni sukcesis ekloĝi sur Majorko, en lando grandioza, sed terure malgastema. Post unu monato la kompatinda Chopin pli grave malsaniĝis, kaj ni alvokis unu kuraciston, du kuracistojn, tri kuracistojn, sed ili, unu pli granda azeno ol la dua, komencis disvastigi sur la insulo la informon, ke la malsanulo suferas je ftizo en lasta stadio. — Tiukaŭze grandega paniko! La ftizo okazas malofte en tiu klimato, kaj ĝi estas konsiderata kiel infekta malsano . . . La posedanto de malgranda dometo, kiun ni luprenis, brutale elpelis nin ekster pordegon, kaj volis komenci juĝan proceson por devigi nin al repurigo de lia pestigita dometo. Ni ekloĝis en Chartreuse de Valdemosa . . . ni ne povis ricevi servistojn, ĉar neniu volis servi ftizulon. La malsekeco estis en Chartreuse tiel granda, ke ni decidis forveturi je ĉiu prezo, kvankam Chopin ne havis eĉ fortojn por treniĝo. Ni postulis sole ununuran unuan kaj samtempe lastan servon! vagonon, por lin venigi al loko Palma, kie ni volis enŝipiĝi. Tiun ĉi servon oni al ni rifuzis, kvankam niaj amikoj ĉiuj havis veturilojn kaj estis tre bonhavaj. Ni devis fari tri mejlojn (Francajn t. e. ĉirkaŭ 5 kilometrojn) sur detruitaj vojoj en „birlocho", t. e. en puŝĉaro. Alveninte en Palma Chopin suferis je terurega pulma sangelfluo. La sekvintan tagon ni enŝipiĝis en la ununuran vaporŝipon de tiu ĉi insulo, kiu servas por transporto de porkoj al Barcelono; oni ne povis alimaniere forlasi tiun malbenitan landon. En momento kiam ni forlasis gastejon en Barcelono, la mastro postulis de ni pagon por la lito, en kiu kuŝis Chopin, sub preteksto, ke ĝi estis infektita, kaj ke polico igis lin bruligi ĝin." Similajn malagrablaĵojn, kiel Chopin, suferis ankaŭ glora Franca verkisto Chateaubriand, kiu troviĝis en Romo en subita financa embaraso, ĉar neniu volis aĉeti de li veturilon tial ke Sinjorino de Baumont, malsana je pulmoj, du aŭ tri fojojn ĝin uzis.

Krom la loka disvastiĝo de scio pri infekteco de tuberkulozo en suda Eŭropo, la 18a jarcento ne alportis pli gravajn progresojn, kiuj kunhelpus al klarigo de esenco de tuberkulozo kaj antaŭenpuŝus batalon kontraŭ ĝi. Anstataŭ esplori kaj observi oni senĉese interpretis kaj disputis pri malbonaj sukoj aŭ humoroj, kaj opiniis, ke amaso de tiuj ĉi sukoj ekscitas pulmojn kaj eliĝas sub formo de kraĉaĵo. Ĝi estis tiel nomata „humoralismo", kiu regis la tiutempajn kuracistajn skolojn kaj havis pli filozofian ol kuracistan karakteron.

Sed iom post iom komencis aperi en medicino ideoj, principoj kaj metodoj precize naturscienca), kaj paŝon post paŝo disvolviĝis tiel nomata „anatomia" ideo pri malsanoj. Jam en 19a jarcento, sub influo de Berlina scienculo Virchow, disvastiĝis la opinio, ke la esenco de la malsano konsistas en ŝanĝiĝo de anatomia konstruo de ĉelaĵoj kaj organoj, alivorte, se okazas dum ftizo simptomoj pulmaj kiel tuso, kraĉaĵo, sufokeco, k. t. p. ili devenas de anatomiaj ŝanĝiĝoj en la strukturo de pulma ĉelaĵo. Estas tre interesa fakto, ke de tiu ĉi Virchow devenas la nomo „infektaj malsanoj", sed ke li la tuberkulozon ne envicigis ankoraŭ en infektajn malsanojn. La Viena kuracisto Auenbrugger eltrovis manieron de esploro de malsanuloj, precipe de torakso, pere de fingra perkutado. Tiu ĉi metodo estis pli poste de Corvisart, gardkuracisto de imperiestro Napoleono, plibonigita kaj disvastigita. Samtempe la Franca kuracisto Laënnec eltrovis metodon de aŭskultado de internaj organoj kaj eltrovis aŭskultilon aŭ „stetoskopon". Tiu ĉi scienculo dum longa vico da jaroj senĉese kaj fruktoplene prilaboris la metodon de aŭskultado kaj ĝin alkondukis preskaŭ al la plej alta ŝtupo de precizeco. Tiu ĉi granda kuracisto,

modesta kaj persista, spite de multaj mokaj kaj ironiaj atakoj de tiama Pariza profesoro Broussais, ebligis dum la vivo de malsanulo studadon de la malsaniro kaj instruis ekkoni kaj valorigi diversajn signojn de la malsano, unuvorte, li instruis la kuracistojn esplori pulmojn kaj diagnozi tuberkulozon. Per mirinda sortironio tiu ĉi unua pioniro de scienco pri tuberkulozo mortis ĝuste je tiu ĉi malsano en 45ª vivjaro.

Kvindek jarojn poste scienco pri tuberkulozo faris pluajn grandegajn progresojn. Franco Villemin alvenis sur bazo de precizaj kaj modelaj sciencaj esploroj al konkludo, ke tuberkulozo estas transportebla kaj infekta, kaj ke oni povas ĝin transkonduki el homo al bestoj, kaj nome al kaprino, marporko aŭ kuniklo, ke ĝia kaŭzo estas iu infektaĵo, tiam al li nekonata, kiu transirinte de unu organismo al la dua infektas ĝin. Li do precize kaj science pruvis fenomenon, kiu jam de longe estis ĉi tie kaj tie observata kaj supozata, sed kiu ĝis tiam ne estis ĝenerale akceptita kiel scienca aksiomo. Villemin, kiu estis militista kuracisto, eltiris pluajn konkludojn pri senpera infekteco de ftizo kaj esprimis opinion, „ke soldato ftizulo estas por sia najbaro en soldatejo la samo, kio ĉevalo malsana je nazmuko estas por sia najbaro en stalo". Poste, en jaro 1882, la Germana scienculo Robert Koch malkovris tiun ĉi ĝis tiam nekonatan infektaĵon, montris ĝin al kuracista mondo kaj pruvis sendube kaŭzecan interrilaton inter la bakterioj de li malkovritaj kaj la procezo de tuberkulozo. Tiam la scienca horizonto entute ekklariĝis, kaj pluaj malkovroj rapide sekvis. Koch ankaŭ klare kaj precize elmontris, ke tuberkulozo, kiel malsano infekta, devas esti kontraŭbatalata per rimedoj kaj metodoj uzataj por kontraŭbatalo de aliaj infektmalsanoj. Granda aro de pluaj medicinaj esploroj sekvis, kiuj klarigis kiamaniere bakterioj eniras en organismon, kaj kio post ilia invado okazas en organismo, kiamaniere la malsano transportiĝas kaj, la plej grava afero, kiamaniere oni povas ĝin kuraci, ĝin eviti kaj profilakti.

*(Daŭrigota.)* *D-ro Maksimiliano Blassberg* (Krakovo).

# ❀ NOTOJ ❀

∴ **Fumado kaj virina beleco.** — En tempo, kiam la virino celas al rajtegaleco kun la viro, multaj junulinoj kredas pravigi plej bone tiun pretendon, montrante, ke ili alkutimiĝas ankaŭ al la fumado apud aliaj viraj kutimoj. Vere neniam oni renkontis tiom da cigaredfumantaj junulinoj kaj virinoj. Interese estas aŭdi Londonan portretiston pri la fumado de la junulinoj. Nome li rimarkis ĉe plej multe da belegaj junulinoj „du difektojn" en la vizaĝo, kiuj estas sekvoj de malmodera fumado: unue fruajn faldojn en la anguloj de la buŝo, kaj due antaŭstarantan sublipon. Ambaŭ malbelaĵojn li atribuis unue, tion diras la pentristo tre malĝentile, al la pli granda babilemo de la nuna generacio de la malforta sekso. Sed la moderna knabino vere estas malpli babilema ol tiu de la pli fruaj generacioj kaj preferas, anstataŭ prudente konversacii, sin kuŝaĉigi sur seĝojn kaj kanapojn, balanci la piedojn kaj fumadi. La faldo en la buŝanguloj kaj la antaŭstaranta sublipo estas nenio alia ol efikoj de la ekscesa konsumo de cigaredoj. Li konstatis tion nerefuteble per kontraŭprovoj. Ĉar en la vizaĝoj de belaj junulinoj, kiuj de tempo al tempo sin donis al la ĝuo de cigaredo kaj ne „fumis kiel kamentuboj" estas videbla eĉ ne unu el ambaŭ difektoj. Pro tio jam nun estas tempo averti la junulinojn kaj virinojn pri la cigaredfumado. Estas afliktige vidi, kun kia delogema reklamo vorta kaj bilda oni prefere prezentas fumantan junulinon kaj rekomendas la fumadon. Junulinoj kaj knabinoj bonvole akceptu la spertojn de la Londona portretisto! La nefumado al neniu ankoraŭ malutilis, precipe ne al la beleco. — *M. I. K.*

∴ **Pri aeroplana rapideco.** — Ĉe la Franca Akademio de Sciencoj S-ro Rateau faris raporton pri la aeroplana rapideco kaj flugpovo. Je alteco de 5763 metroj, kie la aerorezisto estas malpli granda, aeroplano povas senhalte flugi kun sama esencopezo 4315 kilometrojn, tio estas pli ol la larĝeco de Atlanta Oceano. Je la samaj kondiĉoj ĝi povus atingi rapidecon de 463 kilometroj hore. (La nuna rekordo estas 276 km hore.) Aeroplano, kiu povus kunporti duoblan esencopezon, havus eblon senhalte flugi 6650 kilometrojn je 8282 metroj (t. e. proksimume la distanco inter Parizo kaj Ĉikago). Je rapideco de 460 km hore, aervojaĝo de Londono al Nov-Jorko estus farebla en 12 horoj. — *T. G.*

∴ **La aŭtomobiloj en Usono.** — Laŭ la lasta kalkulado farita je la 1 julio, la nombro de la aŭtomobiloj en Usono atingas la grandegan ciferon de 6,353,233. Ĉar la loĝantaro nombras nun 105,186,167, oni deduktas, ke ekzistas meznombre unu aŭtomobilo por 19 loĝantoj.

La rekordo apartenas al la ŝtato Nebraska: por 1,296,877 loĝantoj oni kalkulis 183,000 aŭtomobilojn, t. e. unu por 7 loĝantoj. Poste venas South-Dakota kaj Iowa, kun 1 aŭtomobilo por 8 loĝantoj, sekvas California, Kansas kaj Montana kun 1 por 9 loĝantoj.

En 1911 la nombro de la aŭtomobiloj en Usono atingis 677,000, en 1914 ĝi estis 1,711,339, en 1916 3,512,996 kaj nun 6,353,233. Ĝi do dekobliĝis en malpli ol dek jaroj; la milita stato dum la periodo 1916—1918 grandege kreskigis la nombron de la motorveturiloj. La signifon de la supraj ciferoj oni komprenos pli bone, se oni scias, ke en Francio ekzistas proksimume 100,000 aŭtomobiloj, do unu por 400 personoj. Ni aldonu, ke ekzistas en Usono 31,000 aŭtomobil-vendagentejoj, 30,000 tenejoj kaj 25,000 riparistoj.

∴ **Usona komerco kun Eŭropo.** — La komerca bilanco de Usono kun Eŭropo por la jaro 1919 montras 4435 milionojn da dolaroj favore al Usono.

La eksportoj atingis 5186 milionojn, el kiuj 2279 al Britio, 893 al Francio, 443 al Italio kaj 93 al Germanio.

La importoj atingis 751 milionojn, el kiuj 509 de Britio, 124 de Francio, 59 de Italio kaj 11 de Germanio.

En 1913 la eksportoj sumis 2484 milionojn da dolaroj kaj la importoj 1792. La eksportoj do kreskis je 2702, kaj la importoj malkreskis je 741 milionoj. Tio parte klarigas la favoran staton de la dolaro kompare al la alilandaj Eŭropaj valutoj.

∴ **Bankbiletoj kaj orgarantio.** — Jen pri kvar grandaj Eŭropaj landoj tabelo de la cirkulantaj bankbiletoj kaj la orgarantio. La grandegaj diferencoj inter ambaŭ parte klarigas la pliaItiĝon de la vivkosto kaj la falon de la kurzoj:

| | | Bankbiletoj | Orgarantio |
|---|---|---|---|
| Francio . . . . | Fr. | 30,000,000,000 | 5,800,000,000 |
| Italio . . . . . | L. | 9,000,000,000 | 895,000,000 |
| Germanio . . . | Mk. | 32,500,000,000 | 1,100,000,000 |
| Aŭstrio-Hungario . | Kr. | 35,600,000,000 | 342,000,000 |

∴ **El la mortanta Vieno.** — En la financo- kaj buĝetkomitato de la Austria parlamento, estis rimarkite, ke en decembro ekzistis en Aŭstrio 73,000 senlaboruloj, el kiuj 56,000 en Vieno. Sed en la fakoj de tombo-monumentistoj kaj ĉerko-lignajistoj estis eĉ ne unu persono sen laboro! — *L. A. I.*

∴ **La intelekta produktado en 1918.** — Laŭ la organo de la internacia oficejo de la Unuiĝo por la protekto de la literaturaj kaj artaj verkoj en Bern, la nombro de la verkoj publikigitaj dum 1918 atingis 14,743 en Germanio (35,078 en 1913), el kiuj 10,000 estas reeldonoj kaj ceteraj estas originaloj, 7716 en Britio (12,379 en 1913), 7686 en Usono (9085 en 1913), 5401 en Italio (11,100 en 1913), 4481 en Francio (11,460 en 1913), 4305 en Danio, 3681 en Nederlando, 1764 en Svisio, 1219 en Hispanio.

 LITERATURO 

# La deveno de la homo

*Enkondukaj paĝoj* de **Wilhelm Bölsche**

Wilhelm Bölsche naskiĝis dum 1861 en Köln. Li studis filologion kaj arthistorion en Bonn, natursciencojn en Parizo, kaj vivas de tiam kiel sukcesa verkisto en Friedrichshagen apud Berlin. Liaj unuaj natursciencaj verkoj estas „Naturwissenschaftliche Grundlagen der Poesie" (Natursciencaj principoj de la poezio), aperintaj en 1887. De 1893 ĝis 1896 li publikigis „Entwicklungsgeschichte der Natur" (Disvolviĝo-historio de la naturo), de 1898 ĝis 1902 „Liebesleben in der Natur" (Ama vivo en la naturo). Aliaj gravaj verkoj de li estas „Von Sonnen und Sonnenstäubchen" (Pri sunoj kaj suneroj), „Die Eroberung des Menschen" (La almilito de la homo), „Vom Bazillus zum Affenmenschen" (De bacilo ĝis simihomo).

Antaŭ mia rigardo kuŝas ĉarmega naturbildo. Smeraldoverde la juna herbejo sub mia fenestro etendiĝas valen. Kvazaŭ oraj kaj violebluaj flametoj eliĝas el ĝi la nenombreblaj floroj de la leontodo kaj de la kampanulo. Griza granita remparo, atestanta pri pratempaj tagoj, baras la vojon al tiu ĉi freŝa ondo de gaja vivo. Kvazaŭ krepuskeblua kuliso staras super ĝi la ree leviĝanta pinaro de la transvala deklivo; kaj super ĉi tiu, tute malproksime, kiel iom pli malhela ombro nur, kunfluante kun la mola lazuro, la montara supro. Neĝeblanka nubo briletanta en la suno fantome malrapide nun leviĝas de malantaŭ ĝi, venante de transe el la nekonata malproksimo kaj perdiĝante supre en la sunbrilego. Super ĉio ondadas tiu ĉi sunlumo, super flora herbejo kaj granito kaj montarbaro, — kvazaŭ granda sino, en kiu ĉio feliĉege ripozadas.

Jen mi aŭdas malproksimajn voĉojn. Homoj preteriras sur la vojeto malantaŭ la grizaj blokoj. Fremdaj homoj. Mi ne vidas ilin. Kiomege povas kaŝi sin malantaŭ tia de malproksime transsonanta voĉo, — kiom da bono kaj da malbono! Kian senfinan variecon entenas la vorteto „Homo", kiom da nobleco kaj alteco, — sed ankaŭ kiom da krudeco! Kaj tamen, dum disvibras la malfortaj aerondoj transportintaj ankoraŭ ĝis mi tiujn voĉojn, mi pensas pri la simpla instruo de l' Evangelio, ke ĉiu homo sen escepto estas mia frato. Tiom alten do nia kulturo tamen jam leviĝis, ke antaŭ tiu multekapa amaso de mil kvincent milionoj da homoj sur ĉi tiu tero ĝi enstampis en nin la senton de komuneco kvazaŭ sankta ĉe tiu ĉi ideo: „Homo!". Granda unuo tiu ĉi homaro estas, granda familio, kiu kuniĝis, preta kune porti kaj pardoni sian pekadon, kune ĝui siajn ĝojojn, manon en mano iradi sian vojon tra tiu ĉi granda enigma valo de la mondo.

Sed inter tiujn voĉojn malklarajn miksiĝas alia sono, pli alta kaj pli akra, ankoraŭ senvorta. Estas la voĉeto de tute malgranda infano, tiu ĉi unuforma alta krietado, kiu estas tiom senhelpa kaj tamen elvokas tiomege da amo.

El tia infaneto, tia homa burĝono ankoraŭ senparola, ni ĉiuj elkreskis, ni ĉiuj iam eldisvolviĝis! Kaj denove mia rigardo transmigras al la verda herbejo. Ankaŭ tiu ĉi ora leontodo kaj blua kampanulo fariĝis el burĝono. Ĉiu el tiuj kreskaĵoj elkreskis supren en la sunlumon el malgravaspekta ĝermo. Kaj mi pensas pri tio, ke estas tiu ĉi suno, sen kiu ambaŭ ne povus esti: nek la roza homa burĝono en sia lulilo, nek la bruna kruda burĝonkapeto de tiu ĉi herbeja floro. Se tiu suno tie, kiu cent-kvindek milionojn da kilometroj for de ni solece flugadas tra la glacie malvarma spaco universa, subite estingiĝus hodiaŭ, tiam la homaro forpasus same kiel la popolo de tiuj etaj floroj.

Kaj el la profundaĵoj de la homara animo, el kie ankaŭ la sentencoj de l' Evangelio venis, parolas en mian internan orelon ankoraŭ plua voĉo. Estas tiu voĉo, kiu unue eksonis en la saĝeco de la antikvaj Hindoj, kaj kiu diras, ke la ligo de la komuneco, de la frateco, ankoraŭ ne ĉesas inter homo kaj homo, ke ĝi pli vere ĉirkaŭprenas ĉion fariĝintan sur tiu ĉi tero, ĉion, kio en la silenta etikado de sanktaj mondoleĝoj burĝonadas sub la radioj de l' suno kaj disvolviĝas al sia alteco. Estas tiu alia simpla dokitrino, kiu predikas: „ankaŭ beston vi ne senbezone turmentu, nek floron senbezone rompu, ĉar ankaŭ ili estas malproksimaj membroj en la granda procesio de l' vivo, ankaŭ ili estas en la nekompreneble vastaj etendiĝoj de la naturo ĉiam ankoraŭ — viaj fratoj". Senhelpe staras tia floro, staras la briletanta skarabeto en ĝia sino, antaŭ vi kvazaŭ krietanta infaneto. Sed el infaneto disvolviĝas homo; do kiu scias, kio povus iam ankoraŭ disvolviĝi el tia floro, el tia skarabo, aŭ kio jam antaŭ jarmilionoj iam estas disvolviĝinta el ilia speco?

Kun tiaj sentoj, kiuj maldormas jam en ĉiu el ni dum liaj plej bonaj momentoj, oni devus alproksimiĝi, tiel mi opinias, al tia demando, kia la grava demando pri „La deveno de la homo".

Kien la *kompato*, la *kunsento*, de la homo jam migras, tien povas turni sin ankaŭ la sankta dieca impulso de liaj scio kaj komprenemo sen timo kaj honto. Kiu posedas tiom da amo, ke li sentas ĝin ankaŭ jam al la besto, tiu kun tute pura konscienco transdonu sin ankaŭ al la demando de sia intelekto: ĉu ne la parenca kunligiĝo intersanga, kiu certege ja ekzistas inter ĉiuj homoj, mem ankoraŭ eĉ plueniras, — ĉu ili, la homoj, ne *eldisvolviĝis* el la bestoj? Kaj firmrigarde li ekvidos, ekkomprenos, ke tiu ĉi fakto morale povas signifi nenion malpli bonan ol tiu alia fakto ĉiutage milfoje denove konfirmata kaj sanktigata de ĉiu patrino kun la tuta profundega sento de ŝia amo: nome, ke ankaŭ la plej granda homo devas fariĝi el burĝone nedisvolvita infaneto, el infano ankoraŭ ne kapabla paroli kaj iri, kiu unue elĝermiĝas en tute malluma sinsekvo natura, tute same kiel la blua kampanulo tie formiĝas sub la varma kiso de l' suno. La unuopa homo tiel fariĝas. Kial ne iam la tuta homaro estus tiel fariĝinta?

El Germana lingvo trad.: *H. Pétrofil.*

# El Maksimoj kaj Pensoj

De **Johann Wolfgang von Goethe** (1749—1832)

Ĉio saĝa estis jam pensata; oni devas nur provi pensi ĝin ankoraŭ unufoje.

Kiel oni povas ekkoni sin mem? Per observado neniam, sed certe per agado. Provu plenumi vian devon, kaj tuj vi scios, kia vi estas.

Sed kio estas via devo? La postulo de l' hodiaŭo.

Saĝeco estas nur en vero.

Granda eraro: ke oni opinias sin pli eminenta, ol oni estas, kaj ŝatas sin malpli, ol oni meritas.

Veramo vidiĝas per tio, ke oni scias trovi ĉie la bonon kaj ŝati.

La plejbono, kiun donas al ni la historio, estas la entuziasmo, kiun ĝi kaŭzas.

Profunde kaj serioze pensantaj homoj havas malbonan pozicion kontraŭ la publiko.

Ĉio, kio liberigas nian spiriton, ne donante al ni la regon super ni mem, estas malutilega.

Pieco ne estas celo, sed rimedo, por veni al la plej alta kultureco per la plej pura kvieteco de l' animo.

Kiam oni estas maljuna, oni devas fari pli multe, ol dum oni estis juna.

Ekzistas du pacaj aŭtoritatoj: La juro kaj la konveneco.

Se mi eraras, ĉiu povas rimarki tion, se mi mensogas, ne.

La Germano havas liberecon de la karaktero, kaj tial li ne rimarkas, kiam mankas al li libereco de gusto kaj spirito.

La plej malgranda haro ombras.

En la mondo ne estas ĉefe, ke oni konas la homojn, sed, ke oni ĉiumomente estas pli saĝa ol la antaŭ ni staranta. Ĉiuj foiroj kaj ĉarlatanoj atestas.

Ne ĉie, kie estas akvo, estas ranoj; sed kie oni aŭdas ranojn, tie estas akvo.

Kiu ne konas fremdajn lingvojn, tiu scias nenion pri sia propra.

Kion oni ne komprenas, tion oni ne posedas.

Niaj majstroj ni nomas juste tiujn, de kiuj ni ĉiam lernas. Ne ĉiu, de kiu ni lernas, meritas tiun titolon.

Ĉielarkon, kiu restas kvaronhoron, oni ne plu rigardas.

La vero estas torĉo, sed grandega; tial ni ĉiuj provas nur palpebrumante preterpasi ĝin, timante eĉ bruligi nin.

La scienculoj estas plej ofte malamemaj, kiam ili refutas; eraranton ili tuj rigardas kiel malamikegon.

La superstiĉo estas la poezio de la vivo . . .

Kontraŭ la kritiko oni povas nek ŝirmi, nek defendi sin; oni devas agi spite ĝi, kaj tion ĝi iom post iom toleras.

Kiam oni postulas devojn de la homoj kaj ne volas cedi al ili rajtojn, oni devas pagi ilin bone.

Esti sincera, mi povas promesi, sed ne, esti senpartia.

Kie perdiĝas la intereso, perdiĝas ankaŭ la memoro.

Kun la scio kreskas la dubo.

Tial la biblio estas libro eterne efika, ĉar — kiel longe staras la mondo — neniu venos kaj diros: Mi komprenas ĝin entute kaj komprenas ĝin endetale. Sed ni diras modeste: Entute ĝi estas honorinda kaj endetale aplikebla.

Kiu registaro estas la plej bona? Kiu instruas nin, regi nin mem!

Libervola dependeco estas la plej bela stato, kaj kiamaniere ĝi estas ebla sen amo?

La malfacilaĵoj kreskas, ju pli oni alproksimiĝas al la celo.

La pasioj estas malvirtoj aŭ virtoj nur pligrandigitaj.

Niaj pasioj estas veraj feniksoj. Kiam brulpereas la malnova, tuj reeliras la nova el la cindro.

La vero estas diosimila; ĝi ne aperas senpere, ni devas diveni ĝin el ĝiaj manifestiĝoj.

Oni estas neniam trompata; oni trompas sin mem.

Ĉiuj leĝoj estas faritaj de maljunuloj kaj viroj; junuloj kaj virinoj volas la escepton, maljunuloj la regulon.

Ne sufiĉas scii, oni devas ankaŭ apliki; ne sufiĉas voli, oni devas ankaŭ fari.

Ekzistas nek patriota arto, nek patriota scienco. Ambaŭ apartenas, kiel ĉia alta bono, al la tutmondo kaj povas esti akcelataj nur per ĝenerala, libera reciproka efikado de ĉiuj samtempe vivantaj kun ĉiama konsidero al tio, kio estas al ni restinta kaj konata de la estinteco.

Ne ĉia humoro liberigas la animon.

Nenio en la vivo — krom saneco kaj virto — estas pli ŝatinda ol kono kaj scio . . .

La sentoj ne trompas, sed la juĝo trompas.

La besto estas instruata per siaj organoj; la homo instruas la siajn kaj regas ilin.

Ĉiu eminenta ideo, kiu venas en la mondon kiel evangelio, fariĝas ĉagrenaĵo al la neprogresa, pedanta popolo kaj malsaĝaĵo al la multe, sed malprofunde instruita individuo.

Ĉu scias do la pasero, kiel sentadas la cikonio?

Neniu kredu, ke oni atendis lin kiel savonton.

Klasika estas la sano, romantika la malsano.

Kion oni elparolas buŝe, tio devas esti dediĉata al la estanteco, al la momento; kion oni skribas, tion oni dediĉu al la malproksimo, al la sekvonto.

Kontraŭuloj kredas refuti nin, kiam ili ripetas siajn opiniojn kaj ne atentas la niajn.

Ekzistas homoj, kiuj pensadas pri la malvirtoj de siaj amikoj; per tio oni gajnas nenion. Mi ĉiam atentadis je la meritoj de miaj kontraŭuloj kaj profitadis per tio.

Avideco estas ludo kun la ĝuotaĵo kaj kun la ĝuitaĵo.

Perfekteco estas la normo de l' ĉielo; *voli perfekton*, la normo de l' homo.

Trad.: *Walter Lippmann.*

---

# La reĝo en Thule

De **Goethe**

*En Thule reĝo tronis*
*Fidela ĝis la fin'.*
*Mortante al li donis*
*Pokalon amatin'.*

*Pli karan li ne havis.*
*Ĉe ĉiu fest-regal'*
*L' okulojn larmoj lavis,*
*Trinkante de l' pokal'.*

*Kaj kiam li ekkonis,*
*Ke venas vivo-fin';*
*Kastelojn li fordonis*
*Kaj ĉion, sed ne ĝin.*

*Jen estis reĝ-regalo*
*Kun kavalira ar'*
*En alta praa halo,*
*En fortikaĵ' ĉe mar'.*

*La reĝ' ekstaris, metis*
*Al lipoj, ĝis la fund'*
*Li trinkis, kaj li jetis*
*Pokalon al profund'.*

*Li fali, fali vidis*
*Kaj droni ĝin en flu' . . .*
*L' okuloj ekrigidis,*
*Ja li ne trinkis plu . . .*

El Germana lingvo trad.:
*K. de Kalocsay.*



ESPERANTISMO



# Doktoro Zamenhof

Nia ŝatata kunlaboranto, D-ro Edmond Privat, jus verkis pri Doktoro Zamenhof biografion, en kiu li ne nur emocie rakontas la vivon de nia kara Majstro, sed ankaŭ talente analizas la diversajn aspektojn de lia penso kiel homarano kaj idealisto. El tiu ĉi verko, baldaŭ aperonta ĉe la Brita Esperanto-Asocio, ni represas ĉi tie la lastan ĉapitron (Konkludo).

En tago pluva, malhela, malvarma, la Varsoviaj Esperantistoj akompanis la ĉerkon al tombejo Malĝojc kantis poeto Belmont:

Ne venis Polujo kadavron honori
De filo pollanda, de monda saĝul' ...
Ho kiel sangiĝis en mi pola kor' ...
Malriĉaj Hebreoj nur venis post ĉerko
Ĉar mortis bonkora helpant' okulisto.

Al tiu vasta rondo familia, kies delegitoj ĉiujare lin aklamis en kongresoj, la limoj restis fermitaj. Nur kelkaj Poloj, Grabowski, Belmont, Germana Ŝipestro Neubart povis diri adiaŭon en la nomo de tiu ĉiulanda popolo, kiu lin amis kaj preĝis en la tuta mondo. De registaro, neniu. Honorigo, nenia. Nur l' amaso popola, la humila klientaro de l' Hebrea kvartalo en siaj laborvestoj. Multaj junuloj dankemaj, multaj geviroj kortuŝitaj.

Kiel enterigo de Tolstoj inter ĉirkaŭaj vilaĝanoj, ĝi estis la plej alta, la plej taŭga simbolo. Efektive nur mortis la homo, la viro 58-jara, la malriĉa okulisto. Sed la granda verko restis. Ankaŭ la inspiro el animo pura. Ne povas tio morti. Malaperos la registoj, malaperos la malgrandaj granduloj, kiuj lin ignoris. Sed eterne vivos kaj diskreskos ĉie lia semo pensa. Jam dekmiloj da homoj sanktigis lian nomon. Iam tuta homaro rekonos lin gvidanto al frata repaciĝo.

Sur lia skribotablo kuŝis lasta manskribaĵo krajona, nefinita. Ĝi estis plano de artikolo pri senmorteco de l' animo. Kion kredis mem tiu granda amiko de l' homaro, kiu donis tutan vivon al pensoj unuigaj? Kia do estis la fundo de lia kredo? Kiel li supozis pri aferoj transmortaj kaj nekontroleblaj? Pri sia persono li estis ĉiam silentema. Liaj proksimuloj eĉ ne povus respondi. Ili vidis nur kiamaniere li vivis: bonkore, pure, modeste, helpeme, ofere, mirinde pacience kun ĉiuj, neniam ofende per ago aŭ parolo kontraŭ iu ajn. Ĉiam simpatie aŭskultema al ceteraj homoj, eĉ al tedaj. Al ĉiuj edzino, fratoj, gefiloj, nevinoj, amikoj, klientoj, li aperis kiel homo sankta. En turmentaj horoj ĉiu venis al li por konsilo. „Li neniam pekis" diris malnova servantino Pola, montrante lian portreton sub sia krucifikso. Kiom da famuloj restis grandaj en okuloj de l' servantoj?

Sur papero kvarpaĝa li ekskribis la intiman konfeson. Morto lin interrompis. Sur tri paĝoj kuŝas antaŭklarigo. Li petis senkulpigon, ke li verkas pri tiu temo, estante ne specialisto. Eble oni diros, kiel pri ceteraj, ke nur maljune li ekpensis pri ekkredo. Antaŭproteste li notis: „Ĉio, kion mi nun skribas, naskiĝis en mia kapo ne nun, sed antaŭ kvardek jaroj, kiam mi havis la aĝon de 16—18 jaroj; malgraŭ ke mi de tiu tempo multe meditis kaj legis diversajn sciencajn kaj filozofiajn verkojn, miaj tiamaj pensoj pri Dio kaj pri senmorteco preskaŭ tute ne ŝanĝiĝis" ... Tamen li antaŭvidis, ke tiu ĉi artikolo al multaj tre malplaĉos: „Dum en la mondo scienca mi perdos ĉian estimon, mi samtempe en la mondo de kredantoj trovos nenian kompensan simpation, verŝajne nur atakon, ĉar *mia* kredo estas tute alispeca ol *ilia* kredo ... Estus pli prudente se mi silentus, sed mi ne povas."

La kvara paĝo nur estis komencita. La skribado estas preskaŭ nelegebla krajona rapidaĵo: „Mia patrino estis religia kredantino, mia patro ateisto. En mia infaneco mi kredis je Dio kaj je senmorteco de la animo en tiu formo, en kiu instruas mia denaskiĝa religio. Mi ne memoras tute precize, en kiu jaro de mia vivo mi perdis la religian kredon, sed mi memoras, ke la plej altan gradon de mia nekredado mi atingis ĉirkaŭ la aĝo de 15—16 jaroj. Tio estis ankaŭ la plej turmenta tempo de mia vivo. La tuta vivo perdis en miaj okuloj ĉian sencon kaj valoron. Kun malestimo mi rigardis min mem kaj la aliajn homojn, vidante en mi kaj en ili nur sensencan pecon da viando, kiu kreiĝis oni ne scias por kio, kiu travivas en la eterneco malpli ol plej malgrandan sekundeton, baldaŭ forputros por ĉiam, kaj dum ĉiuj venontaj senfinaj milionoj kaj miliardoj da jaroj jam neniam plu reaperos. Por kio mi vivas, por kio mi lernas, por kio mi laboras, por kio mi amas? Ĉar estas ja tiel sensenca, senvalora, tiel ridinda ...".

Tie haltas la konfeso. Sur blanka fino de la paĝo nur kuŝis noto pri la sekvo projektita: post la naŭzo pri vivo kaj pri morto deksepjare li eksentis ion novan: „Mi eksentis, ke eble morto ne estas malapero ... ke ekzistas iaj leĝoj en la naturo ... ke io min gardas al alta celo" ... tiuj estas lastaj vortoj de l' skribaĵo. Mortante, Zamenhof forportis la sekreton sian. Ni nur scias, ke junule li ektrovis propran kredon, ke li akiris senŝancelan fidon je unu forto komuna por amo kaj inspiro al konsciencoj, ke li tiel havis „Dion en la koro", ke li komprenis la daŭrecon de l' spirita laborado trans la morto kaj rigardis la diversajn homajn religiojn kvazaŭ malsamaj vestoj de unu sama vero.

Jam antaŭ Abdul-Baha, la fama Persa poeto, kiu lin admiris, li respondis al kongreso de Kristanaj gejunuloj salutinta lin: „Mi estas nur Hebrea homarano liberkreda, sed ... kio pli bela en la mondo ol *plena* sekvado al instruo de Jezuo?" Tamen kio pli malfacila pro kulturo egoista, ŝovinista, mongajnema?

Zamenhof tre klare vidis la materian flankon de la baroj. Tial li proponis rimedojn praktikajn por ebligi amon. Tial li disdonis al la homoj tiun lingvon interligan, la mirinda frukto de genio harmonia. Sur miloj da lipoj li metis ilon fratigan. Al miloj da vivoj li donis ĝojon, sencon, utilon. Ne prediki li volis, sed helpi. En tio li montriĝis siatempa. Granda kuracisto de l'homaro. Li kliniĝis ame super ĝia korpo malsana, venenita. Li komprenis la kaŭzojn. Li vidis kaj respondis la bezonojn. Ne nur paroloj, sed faktoj. Ne nur konsiloj, ankaŭ serumo.

Lia cerbo estis ekvilibra. Nur lia koro batis varme kaj rapide. Lia menso estis saĝa kaj trankvila. Tiun trankvilecon oni rimarkis ĉiel en lia persono. Simpla, pensema, vera, li abomenis ĉian frazistecon. Kiu eĉ plej humila Esperantisto ne parolis kun li ĉe kongreso? Kiu, parolinte kun li, ne lin amis kaj respektis el tutkoro? Eĉ per verko lin koninte, multaj homoj tra la mondo lin rigardis kiel majstron la plej karan. En vilaĝoj de Karpatoj, en urbetoj Amerikaj, en urbegoj, sub tegmentoj, lia portreto staris en popolaj hejmoj, amate, homfrate. Sur nigraj kampoj de Eŭropo, en frakaso batala, multaj homoj falvundintaj vidis lian bildon reve.

Nun, tiu skriboĉambro lia, ĉe domo Varsovia, estas malplena. Pie ĝin konservas netuŝite nobla vidvino. Kiom vastega la manko! Kiom doloriga! Tie li sidadis. Tie liaj libroj. Tie la iloj okulistaj. Tie la paĝo nefinita. Silentas la horloĝo.

Iel regas en la ĉambro atmosfero potenca, impresa, eterna. Altiga pureco. Nedirebla grandeco ... Jes, granda estis tiu homo. Granda publike. Granda private. Kio estas ni, kun niaj malgrandaĵoj, niaj malaltaj disputoj, niaj krimaj malkuraĝoj?

Li tamen amis ĉiujn nin. Li lasis al ni devon: konigi *tutan* lian proponon al homaro. Tie sur la blanka paĝo kuŝas lia plumo. Ĝi batalis por la bono kaj la belo. Sed la tasko estas nefinita. Kiu ĝin daŭrigos? Kiu plenumos lian volon? Jam la morto liberigis lin. Jam ĝi donis flugilojn al lia penso. „Nun de loko flugu ĝi al loko". Nova mondo devas konstruiĝi. Morto kaj naskiĝo. Homaro sopiras je rompo de baroj. Ĝi bezonas absoluton. Li alvokas. Ĝi alvokas. El tomboj, el ruinoj, el mizero ĝenerala krias la sama voko, urĝa, korpremanta ...

Aŭdu, aŭdu kiel ŝire ĝi sonas!

*Edmond Privat.*



# XIIa UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

**Hago, 8—15 aŭgusto 1920**

*Kvara komuniko*

**Honora Komitato.** — Estas ankoraŭ varbitaj jenaj sinjoroj: Jhr. Mr. *E. van Beresteijn*, liberaldemokrata parlamentano, en Hago.

*H. J. van Ginkel*, teozofia kaj framasona verkisto, en Amsterdam.

Prof. *J. G. de Jongh*, rektoro magnifika de la Nederlanda Komerca Universitato, en Rotterdam.

*B. Lansink*, Sr., sekretario de la Nacia Labor-Sekretariejo, en Amsterdam.

*A. Pieters*, prezidanto de la Nederlanda Vojaĝo-Societo, en Hago.

**Loka kongreskomitato.** — La Prezidanto, S-ro J. R. G. Isbrücker, nun loĝas: van Beverningkstraat 10, en Hago. Eksiĝis S-ro H. Laarhoven, delegito de la Haga Roman-Katolika Esperantista Societo, kiun anstataŭas S-ro H. B. Alkemade. Aliĝis S-roj J. Diehl kaj K. H. Meijer, estraranoj de la Nederlanda Federacio de Laboristaj Esperantistoj.

**Komisionoj.** — La sekretarioj de la formitaj komisionoj estas la jenaj:

*Diservoj: a)* Protestanta: F-ino N. Boon, Kranenburgweg 9 a, Hago; *b)* Roman-Katolika: S-ro F. Marrevee, Kepplerstraat 228, Hago.

*Distrajoj kaj festajoj:* S-ro M. P. de Wilde, Christiaan de Wetstraat 34, Hago.

*Enloĝigoj kaj manĝoj:* S-ino J. C. Isbrücker-Dirksen, van Beverningkstraat 10, Hago.

*Propagando:* S-ro J. Diehl, van Bassenstraat 27, Hago.

**Donacoj.** — Kun multa danko ni ricevis: de S-ro John Gabriels, Rotterdam, fl. 5; de firmo van der Haar en van Ketel, Hago, fl. 10; de S-ro R. Eliott, Yelverton (Brit.), fl. 4.65 Entuta sumo: fl. 301.65.

**Provizora festprogramo.** — La komisiono por distrajoj kaj festajoj ellaboris jenan festprogramon, kies realigon grandparte dependos de la tempo neokupita por kongreslaboroj kaj kunvenoj:

1e Ekskurso per vaporboato de Leiden al la fama „Kagermeer“ (lago).
2e Muzikvespero en la „Kurhaus“ (ĉe la marbordo).
3e Promenado tra la Haga Arbaro kaj vizito al la „Huis ten Bosch“ (Palaco en la Arbaro).
4e Vizito al la Pacpalaco, sekvota de veturado tra Hago per ornamitaj tramveturiloj.
5e Koncerto en la Haga Arbaro.
6e Balo en naciaj kostumoj.

**Aliĝoj.** — Ni nun komencas la regulan publikigon de la aliĝoj laŭ resuma maniero. Oni atentu, ke la cifero post la lando signifas la plenan nombron de aliĝoj el tiu lando, dum ke la cifero post la kongresano estas ties kongresnumero.

**Belgujo** (1): *Brugge*, F-ino Yvonne Thooris (38). — **Danujo** (2): *Kopenhago*, F-inoj Anna Jörgensen (44) kaj Astrid Rybo (45). — **Francujo** (11). *Béziers*, S-ino Roksano (62); *Lyon*, L. Poncet (33); *Nemours*, Georges Delanoue (41); *Paris*, Gabriel Chavet (28), S-ino Eugénie Ferter-Cense (29), F-ino Gabrielle Gérard (30), F-ino Marie Royer (26), Generalo H. Sébert (24), S-ino H. Sébert (25), F-ino Thérèse Sébert (27); *Saint-Maur*, S-ino Marcelle Tiard (63). — **Germanujo** (2): *Kiel*, S-ino Anna Tarnow (40), Paul Tarnow (39). — **Grand-Britujo** (9): *Liverpool*, S-ino Clara Applebaum (17), J. D. Applebaum (16), James G. Baxter (31), F-ino Anna M. Swan (32); *London*, H. A. Luyken (10); *Plymouth*, F-inoj L. Leigh (54), E. Spry (53); *Yelverton*, F-ino Chr. Eliott (56), Ralph Eliott (55). — **Hispanujo** (1): *Jaca*, Julio Mangada Rösenorn. — **Italujo** (2): *Roma*, D-ro Alfredo Stromboli (34), S-ino Maria Stromboli-Vandenkerckhove (35). — **Nederlando** (30): *Amsterdam*, H. Blok (22), W. H. G. van Tinteren (20); *Breda*, F-ino M. van den Boogaard (49); *Drumpt* (apud Tiel), D. F. Romein (2); *Gemert*, Pastro L. J. J. M. Poell (48); *'s-Gravenhage* (= Hago), W. J. A. Becht (6), F-ino N. Boon (1), J. L. Bruijn (7), J. F. van Dam (57), S-ino J. C. Isbrücker-Dirksen (5), J. R. G. Isbrücker (4), W. G. A. Kaupe (50), H. C. Kratz (51), W. F. Lutter (18), H. C. Mees (21), H. F. Pothast (15); *Groningen*, R. Barkema (52); *Haarlem*, F-ino I. M. H. Boon (43), S-ino J. H. C. Habermehl-Sevenhuijsen (12), J. H. W. Habermehl (11), F-ino C. J. Sevenhuijsen (9), J. W. Sevenhuijsen (8); *Hengelo*, G. van Heek (23); *Hoofddorp-Haarlemmermeer*, P. Heilker (13); *Ootmarsum*, F-ino H. M. van Griensven (58); *Rotterdam*, C. van Doorne (19), John Gabriëls (46), F. Pakker (47), L. Wit (3); *Vlaardingen*, A. de Vries (14). — **Polujo** (3): *Kalisz*, Prof. Leopold Kronenberg (59); *Lodz*, Oskar Berman (61), Henriko Zimerman (60). — **Svisujo** (2). *Bern*, Ivan H. Krestanov (36), S-ino Margarethe Krestanov (37).

Entute 10 landoj kun 63 aliĝoj.

La kongressekretario:
*J. L. Bruijn.*

# KRONIKO

Ni petas ĉiun propagandiston, ke li mem senpere kaj rapide informu nin pri sia agado. Oni sendu klarajn, koncizajn raportojn kun rimarko „Kroniko“ al nia Centra Oficejo, Museumsstrasse 14, Bern.

Mallongigoj uzataj: *Esp.* Esperanto; *Esp-isto* Esperantisto; *L. I.* lingvo internacia; *prez.* prezidanto; *vicprez.* vicprezidanto; *sekr.* sekretario; *kas.* kasisto; *rev.* revizoro; *bibl.* bibliotekisto; *l.* lernanto; *m.* membro; *p.* persono.

## Aŭstrio.

*Wien:* Spite ĉiu mizero la Esp. unuiĝo arangis bonsukcesan amuzvesperon. Ĝenerala kunveno de la Bohema klubo.

## Belgio.

*Antwerpen:* Nova grupo laborista. Kurso de S-ro Willekens, 30 p. — *Charleroi:* Parolo de S-ro Henraut. — *Jumet:* Parolo de S-ro Dosogne. — *Montignies-sur-Sambre:* Parolo de S-ro Névraumont.

## Britio.

*Birmingham:* Grupo bonege progresas. Kursoj de S-ro Goldsmith, F-ino Dewis, S-ro Biddle, S-ro Allsop, S-ro Sturge, S-ro Lock. — *Edinburgh:* Kontentigaj progresoj. La XVa Skota Esp. Kongreso okazos ĉe la tiea universitato sabaton 19 junio 1920. — *Ilford:* Grupo pligrandiĝas. Kunsidoj ĉiumonate. — *Oldham:* Propagando per montra fenestro. Parolo de S-ro J. J. Seal.

## Ĉeĥoslovakio.

*Brno:* Klubo reviviĝis. S-ro Ŝembera faris parolon kaj gvidis kurson kun S-ro Podloučka. Parolo de S-ro Prof. Kroužil, kurso de li en industria lernejo. Gazetoj favoraj. — *Deutsch-Gabel:* Esp. rondeto regule kunvenas. — *Gablonz:* Kurso de S-ro Röhlich por progresintoj. Novaj kursoj por komencantoj. Kurso de S-ro Wörfel en burĝa lernejo. — *Höflitz bei Bensen:* Kurso de S-ro Wirth. — *Hradec-Kralóvé:* Vigla movado. Vintra kurso finiĝis. Bonvenvespero por novaj membroj. Nova kurso en februaro. — *B. Leipa:* Jara ĉefkunveno de „Ligo de Germanaj grupoj en Ĉeĥoslovakio“. La ligo propagandas ĝis nun sukcese en 37 Germanaj urboj. La arangitaj kursoj estas bone vizitataj. — *Oderfurt:* Kurso, 26 p. — *Olomouc:* Je Pasko okazos kunveno de Moraviaj Esp-istoj. — *Pardubice:* Paroloj; muzika vespero je la honoro de S-ro F. Macan, blinda Esp-isto kaj komponisto. Kurso de S-ro L. Berger. S-ro Poppe, Del., kaj kelkaj grupanoj klopodas veki intereson por Esp. — *Praha:* S-ro Šilha efike propagandas per publikigado de tradukoj el Esp. kaj gazetartikoloj. Regulaj kunvenoj de „Rondeto de Espistinoj“. Kurso por skoltoj de F-ino Dandova. — *Rakovnik:* Kurso de S-ro H. Černy, 20 p. — *Reichenberg:* Amuza vespero kun bona sukceso. La „Reichenberger Messe“ (internacia foiro) aliĝis al UEA (informojn petu de la „Messe-Amt“, Reichenberg, Bohemio). — *Saaz:* Kursoj de S-ro Prof. Süsser. — *Teplitz-Schœnau:* Kurso de S-ro D-ro Guth en komerca lernejo. — *Tetschen:* Amuza vespero kun parolo de S-ro Klinger. Ĉiusemajnaj grupkunsidoj. — *Wegstädtl a. E.:* S-ro Kratzik fervore propagandas. — En *Obergrund, Katharinthal, Teichstatt, Niedergrund, Innocencendorf, St. Georgenthal, Georgswalde*, kursoj de S-ro J. Pazelt.

## Francio.

*Cette:* Parolo kaj kurso de S-ino Juillard, 40 p. — *Melun:* Bonega artikolo de S-ro L. Revoyre en la de li fondita monata gazeto „Le Chrétien Libre“. Tiu gazeto enhavas ankau Esp. artikolojn de S-ro H. van Etten. — *Nemours:* Kunveno ĉe S-ro Delanoue por arangi novan propagandon. — *Troyes:* Grupo reorganiziĝas. Gazetartikoloj (de S-ro Hugot en „Le Travailleur“ kaj aliaj). — *Tulle:* Kurso de S-ro Soubranne, 25 p.

## Germanio.

*Auerbach i. V.:* Vigla propagando de S-ro H. Gerisch. — *Braunschweig:* 3 kursoj de S-ro O Zehme. — *Dresden:* Dum grupa kunsido S-ro W. Ranft parolis pri la sukcesa propagandmaniero en Eisenach: 9 kursoj kun entute 200 geknaboj. Kurso de S-ro Engst. — *Eisenach:* La grupo akceptis 33 novajn membrojn; generale kontentiga situacio. — *Essen:* La grupo akceptis kontentigan nombron da novuloj. Parolo de S-ro Pillath, pli ol 150 p. — *Hannover:* Movado bone prosperas. Kursoj de S-ro Zademack, S-ro Nolte, k. a. Propagando per presajoj, ŝildoj, k. t. p. — *Lübeck:* Esp. estis enkondukata en la popolan altlernejon; kursoj de S-ro D-ro A. Möbusz. — *München:* Amuza vespero. Parolo de S-ro Wondolowski. Kurso de S-ro J. Krumbach. — *Neugersdorf:* Kurso de S-ro D-ro Göhl. — *Ratingen:* Kurso de S-ro H. Schneider. — *Werdau:* Kurso de S-ro Naumann.

## Hispanio.

*Barcelona:* Je la 25—30 junio okazos la „Unua Diskuta Kunveno de Esperantistoj de la Iberiaj Landoj“. La societo „Paco kaj Amo“, nun 114 membroj, renovigis sian estraron (prez. S-ro Alberich Jofré). Novaj kursoj. Parolo de S-ro Rocamora. — *Sevilla:* Eksterordinara grupkunsido honore al la memoro de mortinta S-ro Tr. Soriano. Parolis S-roj Iznardo, Machura, Martinez. La grupo renovigis sian estraron. — *Tarrasa:* Kursoj.

## Hungario.

*Miŝkolc:* Pli granda propagando. Kunvenoj. Nova grupo. Artikolo de S-ro Györy Nagy en „Dolgozo Ifjusag“.

## Italio.

*Ĝenova:* Tre kontentiga movado. Dank' al la klopodoj de S-roj E. Managlia kaj G. Barni senpaga kurso de S-ro M. Arabeno por laboristoj, 150 p. Loka gazetaro favora, interalie: „Caffaro“, „Corriere Mercantile“, „Il Lavoro“, „Il Cittadino“, k. t. p. Sukcesa parolo de S-ro A. J. Marlani. — *Lavis:* S-roj E. G. Zeni kaj G. Perini sukcese gvidas kursojn kun 35 junuloj kaj 23 junulinoj. Festoj estis arangitaj okaze de la militfino kaj de la datreveno de Esp. — *Pisa:* Nova societo. Vigla instruado kaj korespondado. Hejmo tre vizitata. Gazetartikoloj. Okazis jarkunveno de la grupo. — *Roma:* Fondiĝis Roma Instituto de Esp. kun instruaj celoj. Partoprenas en ĝi: D-ro A. Stromboli, Prof. L. Giambene, D-ro Prof. B. Migliorini. — *Torino:* Sekve de peto subskribita de 135 gelernantoj oni decidis malfermon de Esp. kursoj. La unuan gvidas S-ro Balzac. Kurso de S-ro Ferrara. — *Trento:* Sekve de kunveno de Trentinaj Esp-istoj la movado reviglîĝas. Oni klopodas fondi Trentan Esp.-Federacion. Bone vizitataj grupkunvenoj. — *Trieste:* Kursoj de S-roj Centis kaj Camuffo. Kurso kaj parolo de S-ro D-ro Ghez.

## Jugoslavio.

*Belgrad:* Grupo fondiĝis. — *Zagreb:* Propagando per montra fenestro, flugfolioj, broŝuroj. Nova kurso, 40 p.

## Nederlando.

*Amersfoort:* Du novaj kursoj de S-roj J. A. Aalderink kaj E. Urbach, 20 p. — *Zutphen:* Kurso por skoltoj de S-ro J. de Lang.

## Polio.

*Aleksandrowo:* Nova grupo. Kursoj de S-ro Breyer. — *Bromberg:* Paroloj de S-roj Stolpe kaj Pankratz. S-ro Pankratz instruis blindulojn. — *Chmielnik, Czenstochowa, Tomaszow, Turek, Wlocawek:* Novaj grupoj. — *Lodz:* Vigla propagando de S-roj N. Zimmermann kaj O. Bermann (Esp. angulo en „Neue Lodzer Zeitung“). — *Rakow apud Czenstochowa:* Kursoj. — *Varsovio:* Monata kunsido de Pola Esp. Societo; parolis S-roj Prof. Loth kaj D-ro Leono Zamenhof. Nova grupo dank' al propagando de S-ro Arlekin.

## Portugalio.

*Lisboa:* Esp. rubriko en „O Socialista“ (artikolo de S-ro J. P. Barreira). Revuo „Portugal Comercial e Industrial“ enhavas Esp. fakon, prizorgatan de S-ro S. Carreira.

## Svisio.

*Bern:* Dum grupa kunsido S-ro D-ro Huber legis medicinan studon. Propaganda parolo de S-ro W. Perrenoud en studenta rondo. — *St. Gallen:* Kurso. — *Genève:* Sukcesaj paroloj kaj kursoj de S-ro D-ro Privat en la universitato, ĉe societo „Al unueco“, ĉe la popola universitato, ĉe la junula kaj junulina gimnazioj kaj al instruistoj ĉe la direkcio de publikaj lernejoj. Naŭ universitataj profesoroj apogis lian agadon per petskribo al Ĝeneva ŝtatkonsilanto por publika instruado. Favora artikolo de S-ro C. Baudouin en „La Feuille“. — *Locarno:* Kurso por progresintoj. — *Lugano:* Kurso de S-ro Isella. — *Zürich:* Artikolo de S-ro K. Jost kiel kromfolio al „Grütlianer“.

## Afriko.

*Alĝero:* La grupo restariĝis. Artikolo en „Les Nouvelles“.

## Argentino.

*Buenos-Aires:* Kurso en Esp. Hejmo. Favoraj gazetartikoloj. — *Bahia Blanca, Pergamino, Talleres:* Kursoj.

## Aŭstralio.

*Melbourne:* En la Guild Hall okazis la ĉiujara koncerto de „Aŭstralia Esp. Asocio“.

## Siberio.

Ni sciiĝis pri la movado en Siberio pere de la en Tomsk aperinta gazeto „Verda Stelo“. — *Anjherskie:* Grupo, 30 p. Laŭdinde laboras S-ro T. Ivanov. — *St. Barabinsk:* Kurso de S-ro Tatarincev. — *Barnaul:* Lastatempe la societo entreprenis eldonan laboron (prop. plakatoj, libro de S-ro Seriŝev, poŝtkartoj, k. t. p.). Kursoj de S-ro Seriŝev. Per helpo de Esp. oni arangis „Popolan Muzeon“. Inter loka intelektularo multaj estas aŭ Esp-istoj aŭ Esperantemaj, kaj la rilato de la publiko kaj gazetaro al nia afero estas tute favora. — *Bijsk:* 4 kursoj de S-ro V. K. Soharev. — *Blagoveŝĉensk:* Parolo kaj kurso de S-ro Vasiljev. — *Ekaterinburg:* Gazetartikoloj. — *Irkutsk:* Tri kursoj, 60 societanoj. — *Kainsk:* Kurso kaj gazetartikolo de S-ro Margulis. — *Kamen:* Dank' al S-ino Ŝigarova ekzistas nun grupo. Multaj artikoloj de S-ro Seriŝev. — *Krasnojarsk:* Brila progresado inter militkaptitoj. S-roj Weiss, Peter kaj Salamon estis la instigantoj. Rezulte de tre multaj kursoj, paroloj, kunvenoj, la nombro de Esp-istoj plej rapide kreskis. Ekzistas nun klubo kun pli ol 100 lingvosciaj membroj. „La Esperantisma ideo mirinde progresas, kaj plenumas sian homo-fratigan rolon. Dank' al ĝi en tempo de kruela militado kaj malamo, areto da diversnaciaj kaj diversreligiaj homoj vivis en perfekta konsento, laborante por komuna bono, sciante, ke ili estas fratoj, kiuj malgraŭ nacia, rasa, lingva kaj religia diferenco havas komunajn interesojn kaj egalan rajton vivi feliĉe.“ Kursoj de S-roj Frenkel kaj Ŝevĉugov. — *Kuzneck:* Grupo fondiĝis. — *Mariinsk:* Energie laboras S-ro F. Karpov. Kurso en kooperativa lernejo, 50 geknaboj. — *Novonikolaevsk:* Societo fondiĝis. — *Omsk:* Kurso, 100 p., de S-roj Gerasimoviĉ, Tugarinov, Golcgauz kaj Skalskij. — *Slavgorod:* Esp. rondeto. — *Tjumen:* Kurso. Propagando de S-ro Sartakov inter poŝtistoj, kaj de S-ro Savinov inter lernantoj. — *Tomsk:* Plej bone progresas Esp. en la militkaptitejo, kie estas 100 bonaj Esp-istoj. Fervore laboris al tio ĉefe S-ro Kelemen, Hungara oficiro. „Nun la estraro malpermesas rilatadon kun militkaptitoj, sed antaŭe tio estis ebla, kaj ofte okazadis

internaciaj kunvenoj ĉe Tomska Esp. Societo. Rusoj, Hungaroj, Germanoj, Turkoj longe babiladis en Esp. pri plej diversaj temoj. Tiu libera, flua parolado, tute egala malgraŭ tioma diversnacieco, estis plej bona konvinkilo same por ne-Esp-istoj kiel por novaj samideanoj, kiuj ricevis necesan parolinstruon.“ La nuna societa vivo estas malpli vigla; oni bezonus pli da aktivaj laborantoj. — *Vladivostok:* Favora situacio por Esp. propagando, pro la internacia karaktero de la urbo. Du Esp. societoj kun entute cento da membroj. Multaj kursoj. Propagandvojaĝo de Ges-roj Pagrev. Fondiĝis „Orienta Oficejo Esperanta“ kun komerca-propaganda celo. — *Zlatoust:* Klopodoj de S-roj Sedelnikov kaj Abamov. Grupeto organizita.

Al Siberiaj samideanoj ni sendas kuraĝigon kaj saluton, kaj esprimas nian esperon, ke baldaŭ ili unuiĝos siajn fortojn en „Tutsiberia Esperantista Federacio“. Eble tiel oni povus venki la aluditan mankon je lerniloj. *(Red.)*

*Al niaj informantoj.* — Ni dankas ĉiujn samideanojn, kiuj responde al nia peto bonvolis sendi informojn por la „Kroniko“, kaj ni esperas, ke ankaŭ plue ili daŭrigos sian komplezan helpon. Kelkajn ni atentigas pri la postulo: koncizaj informoj, en legebla formo, laŭeble sur aparta folio.

Per komuna helpo de diverslokaj informantoj nia laboro estas multe faciligata, kaj ni povas pli bone informi niajn legantojn pri la tutmonda movado.

## DIVERSAĴOJ

∴ **Esperanto kaj komerco.** — *Germanio:* Post sukceso de la unua, okazinta je la 1—15 oktobro 1919, urbo Frankfurt a/M. decidis regule aranĝi internaciajn foirojn. La dua okazos je la 2—11 majo 1920. La invitoj por la printempo-foiro estos post nelonge forsendataj, redaktitaj en dek lingvoj kaj en Esperanto. La foiroficejo uzas ankaŭ Esperanton kiel reklamhelpilon. Oni ricevas ĉiujn informojn laŭ la adreso: Messamt, Esperanto-Werbestelle, Festhalle, Frankfurt a/M.

*Finnlando:* En Helsingfors okazos de la 27 junio ĝis la 5 julio 1920 Finnlanda foiro kaj metiaj ekspozicioj. La estraro aperigis Esperantan prospekton, kiu estas publikigita en januara kajero de „Esperanta Finnlando“. Pli detalajn informojn donas la Foira Oficejo: Messujen toimisto, Helsingfors.

*Svisio:* La Svisa specimena foiro en Basel presigis en Esperanto la oficialan invitilon por la vizito de la kvara Svisa specimena foiro, okazonta dum aprilo 1920. Komercistoj, kiuj ne ankoraŭ ricevis tiun prospekton, enmetitan en „Internacia Komerca Revuo“, petu ĝin de la Direktoro de la Svisa specimena foiro, Gerbergasse 30, Basel.

Estas interese noti, ke jam kvin grandaj foiroj, nome Lyon, Leipzig, Frankfurt a/M, Helsingfors, Basel, uzas nian lingvon. Niaj propagandistoj diskonigu tiujn faktojn, kiuj pruvas, ke nia lingvo estas ĉiam pli serioze atentata de la komercistaj rondoj.

## TRA LA GAZETARO

∴ *„British Esperantist“* (jan.). — Kun tiu numero komenciĝas la publikigado de „Rakontoj el la Biblio“ eltiritaj el la ankoraŭ ne aperintaj tradukoj de D-ro Zamenhof.

„La Biblia Komitato Esperantista, kies prezidanto estas Pastro J. Cyprian Rust, jus ricevis el Varsovio la finan parton de la manuskriptoj de D-ro Zamenhof, enhavantaj lian tradukon de la Malnova Testamento. Nuntempe, laŭ la deziro de la eldonontoj (Brita kaj Alilanda Biblia Societo, kaj Nacia Biblia Societo Skota) la komitato zorge tralegas kaj revizias la tekstojn (forigante skriberarojn), antaŭ ol presigi la libron. Por kontentigi la ĝeneralan deziron, ricevi baldaŭ tiun plej gravan verkon de D-ro Zamenhof, la komitato faros sian eblon por rapidigi ĝian eldonadon; sed pro la grandeco de la laboro kaj la malmultnombreco de la reviziantaro, oni ne povas esperi la finan aprobadon de la presprovaĵoj antaŭ la fino de la jaro 1920.“

∴ *„Germana Esperantisto“* (jan. kaj febr.). Germanlingva artikolo de S-ro D-ro Albert Steche „Ist Esperanto eine Wissenschaft?“. Tre metoda, konkreta vortstudo de S-ro Walter Lippmann pri „gvidi“ kaj „konduki“. Literaturaĵoj (pri la poeto Novalis; fabeleto). Artikolo pri D-ro Zamenhof: i. a. S-ro Spiess, kiu, estante soldato, venis Varsovion, rakontas sian viziton:

„Mi staris antaŭ la loĝejo de la Majstro kiel simpla soldato. Ĉu la Majstro min akceptos? Kuraĝe mi sonorigis, kaj tre bela fraŭlino malfermis la pordon, iom surprizita, vidante simplan germanan soldaton. „Per kio mi povas servi al vi?“ ŝi demandis germanlingve. Mi respondis, ke mi nur kelkajn minutojn deziras paroli kun S-ro Zamenhof. Post momento aperis sinjoro, kiun laŭ fotografaĵo mi tuj ekkonis kiel la Majstron. Afable li min salutis per manpremo, kaj je mia pardonpeto, ke mi kuraĝis lin viziti, mi, malamika soldato, li responde demandis, ĉu soldato ne ankaŭ estas homo. Kaj certe, Esperantistoj el kiu ajn nacio, ne estas malamikoj — li aldonis. Preskaŭ unu horon li afable interparolis kun mi, rakontante i. a. pri sia preskaŭa internigo en Cöln, dum la revojaĝo de Parizo en 1914 ... Neniam mi forgesos la impreson, kiun la parolo de D-ro Z. faris sur min.“

El la sama numero ni sciiĝas, ke S-ro Fr. Pillath, en Essen, preparas la eldonon de kolekto de Germanaj popolkantoj Esperanten tradukitaj. Ni ĝojas pri tiu feliĉa iniciato.

∴ *„Svisa Espero“* (jan.-febr.) estas nun eldonata en Lausanne, kaj krom la ĉefa Esperanta parto ĝi estonte enhavos ankaŭ propagandajn artikolojn alterne en Franca, Germana kaj Itala lingvoj. En la unua numero la Franca artikolo „Une idée d'Ernest Naville“ estas de S-ro Ed. Privat. La tipografia aranĝo de la gazeto estas ne senmanka. Preseraroj sentas iom tro hejme. Ŝajnas al ni, ke estus eble plibonigi la gazeton tiurilate. Sed ni volas ankaŭ danki la sindonan eldonanton pro tio, ke malgraŭ la malfacilaĵoj li prenis sur sin la taskon liveri organon al la Svisaj Esperantistoj.

Reaperintaj gazetoj:

∴ *„L'Esperanto“* (jan.). Internacia monata revuo sub patronado de Itala Katedro de Esperanto. Formato: 18 × 25, 16 paĝoj. Jara abono: Italio, Fr. 4,05; Alilande, Fr. 5. Redakcio: A. Paolet — S. Vito al Tagliamento, Italio.

Tiu gazeto grandparte redaktita en Itala lingvo rekomencas aperi. La Esperanta parto konsistas ĉefe el: „En Songo (tradukita el „Pagine Sparse“ de E. de Amicis) kaj kelkaj versaĵoj.

∴ *„Internacia Socia Revuo“* (jan.). Monata gazeto. Formato: 14 × 22; 16 paĝoj. — Jara abono: 2½ guldenoj. Redakcio: W. Nutters, Ostadestraat 94, Amsterdam, Nederlando.

I. S. R. ne aperis dum la milito. Unu militnumero presita en decembro 1914 grandparte ne povis esti forsendata. La malfacilaĵoj ankoraŭ nun ekzistas. La eldonanto tamen riskis la reeldonadon de la Revuo, ĉar ĝi nuntempe povas esti tre utila por Esp. kaj por socialismo.

„Estas ja tiom por diskuti inter ni, ni havas tiom multe por priparoli kaj por rakonti unu al alia, ke nia Revuo devas, nepre devas de nun regule aperi.“

Ni konsentas kun la redaktoro de I. S. R. Lia zorge ellaborita revuo meritas sukceson kaj subtenon, kaj ni esperas, ke plenumiĝos lia deziro:

„Ni volas aŭdi voĉojn el ĉiuj anguloj de l' kripligita mondo, el ĉiuj direktoj de socialista pensado, por ke la enhavo de nia internacia organo estu konforma kaj inda je la grandega tempo, kiun ni travivas, en kiu antaŭ niaj okuloj malnova mondo ruiniĝas je rubo, kaj nova mondo kun sangaj doloroj naskiĝas.“

∴ *„La Esperantisto“* (N-roj 5 kaj 6). Rimarkinda artikolo de D-ro Mario Iona pri „Edukado kiel problemo komuna al ĉiuj popoloj“. La aŭtoro konkludas:

„Nia tasko estas do en ĉiuj landoj serĉi tion, kio nin unuigas ... La problemo de l' edukado estas por ni ĉiuj la sama. Ni devas sisteme esplori, kio malantaŭ la lokaj diversecoj, kondiĉitaj de lando kaj moroj, de lingvo kaj popola karaktero, de historio kaj religio, estas la komuna homa bazo, sur kiu devas konstruiĝi la estonta edukado.“

Nova gazeto:

∴ *„La Verda Stelo“* (N-ro 2—3). Centra organo de Siberia Esperantistaro. Tomsk, poŝtkesto 34. — Formato: 44 × 35 cm. Abono: ĝis fino de la jaro, 10 rubloj (el alilando pageblaj per poŝtmarkoj aŭ respond-kuponoj).

Tiu Rusa-Esperanta, apart-karaktera gazeto prezentas intereson ĉefe per siaj informoj pri la movado en Siberio (vidu sub „Kroniko), per la felietono (Japana historia rakonto el la dekunua centjaro,

tradukita de S-ro K. Takahaŝi), kaj per versaĵoj originale verkitaj de Siberiaj samideanoj aŭ de tie retenitaj militkaptitoj. Iaj strofoj, laŭforme ne senriproĉaj, kortuŝas pro sia sincereco:

„Malrapide neĝas . . . . . . .
Frosta, kruda ŝelo koron ĉirkaŭvolas;
Dum tag' tagon sekvas kun senkompata leĝ'
Kredon kaj esperon, sopiron kaj amon
Malrapide enterigas neĝ'“.

La gazeto aperas meze de malfavoraj cirkonstancoj: „mankas tipografoj, papero, farbo, literaro, laboristoj . . . mono“ estas dirite en la unua artikolo. Mankantajn litertipojn la eldonantoj devis anstataŭigi per aliaj: j per renversita f; ĉ, ĝ, ŝ, per ch, gh, sh. Ni esperas, ke malgraŭ ĉio „Verda Stelo“ trabatos sian vojon.

Aliaj gazetoj ricevitaj:

*„Argentina Esperantisto“* (dec.). *„Esperanta Itala Revuo“*, *„Esperanta Ligilo“* (por blinduloj). *„Esperanto-Praktiko“* (feb.). *„Esperanto“*, Bahia Blanca (dec.). *„La Espero“* (jan.). *„Fluganta Skribilo“* (feb.). *„Germana Laboristo“* (N-roj 1 kaj 2). *„Germana-Pola Esperantisto“* (N-ro 1-2). *„Hispana Esperantisto“* (nov., dec., jan.). *„Holanda Pioniro“* (jan., feb.). *„Hungara Esperantisto“* (jan.). *„Internacia Komerca Revuo“* (jan.). *„Le Monde Espérantiste“* (dec.-feb.). *„Nederland-Esperanto“* (66—70). *„Nederlanda Katoliko“* (jan.). *„Nova Tempo“* (jan.). *„Le Travailleur Espérantiste“* (feb.). *„La Unuiĝita Tuthomaro“* (jan.). *„The World Salesman“* (jan.).

*W. P.*

---

# TRA LA LIBRARO

**Pri Esperanto.** *Diskutado pri kelkaj ŝanĝoj de Ido proponitaj. Camille Aymonier*, Agregaciulo de l' Franca Universitato. El Franca lingvo Esperantigis *René Ferter*. Esperantista Centra Oficejo, 51, Rue de Clichy, Paris. 68 paĝoj, 16 × 25 cm. Prezo: 1 Fr.

Jam en 1913 aperis tiu traduko, sed ial ĝi ne estis ĝis nun recenzita ĉi tie. Cetere ĉar Idanoj daŭre propagandas sian sistemon, tiu plej trafa kolekto da sciencaj nerefuteblaj argumentoj, pruvanta la superecon de Esperanto, konservas sian plenan valoron kaj estas funde studinda de ĉiu, kiu volas koncepti personan opinion pri tiu problemo. Ankaŭ rezonadoj de pli modernaj reformistoj trovas tie ĉi jam malnovajn sed ĉiam bonajn kontraŭdirojn.

Ĉu pri la derivsistemo, ĉu pri la vortelekto, ĉu pri la gramatikreguloj, multaj ekzemploj kaj lertaj klarigoj permesas senpartie taksi, kiom pravaj estis la fundamentistoj rifuzante rompi la lingvan evoluon per akcepto de laŭteoria refando de la Esperanta konstruo; ĉar ŝanĝo unue malgrava ĉiam konsekvencas aliajn malpli bonajn aliigojn, kiuj siavice postulas ankoraŭ pli forjetindajn. Tio ne signifas, ke oni devas fermi la pordon por ĉiu pliriĉiĝo aŭ plibonigo. La tradukinto de l' detala studo de S-ro Aymonier tion komprenas kaj praktikas; en lia teksto estas renkontataj: novaj sufiksoj kiel „iv“ (variiva) kaj „end“ (divenenda); rektaj derivoj kiel „neŭtro, subtili, vati“; vortoj enkondukitaj en la vortaro de Grosjean-Maupin: „akumuli, anticipi, demonstri, konkeri (komparu: konkvesti), kontesti, korolario, modli, rigoro, sapora, sentimento, ŝoki, temerara, violenci“; aliaj ne troveblaj en la sama vortaro: „agnoski,“ responsiva“; aliaj fine, pli diskutindaj, ĉar ili konkurencas jam oficialigitajn radikojn: „inicio (iniciati), mento (menso, spirito), disiplino (disciplino), arbitraria (arbitra)“.

La ŝatindan verkon de S-ro Aymonier nepre devas trastudi ĉiu samideano, ema al la lingvaj temoj kaj inklina konscii la internan, ofte kaŝitan, valoron de l' diversaj propraĵoj de Esperanto.

**Dua aldono al Universala Vortaro.** Esperantista Dokumentaro, kajero 30a (julio 1919). Esperantista Centra Oficejo, Parizo. 16 paĝoj, 16 × 24 cm. Prezo: Fr. 1. 50.

Malgraŭ la sura dato de l' kajero, la enaj dokumentoj estis liveritaj en julio 1914, kaj jam antaŭe aperis en „Oficiala Gazeto“. Ili ne estos malpli ŝate akceptataj de ĉiu samideano, ĉar grave mankis tiu represaĵo de „Dua oficiala aldono“.

La decido pri akcepto de l' sufikso *ism*, la listo de preskaŭ kvin cent internaciaj vortoj, Esperantaj laŭ la regulo dek-kvina de l' Fundamento, kaj la listo de cent-dek novaj komune uzataj vortoj, jen estas valora pliampleksigo de la bazo de nia lingvo. Ĉar dum la preparaj studoj, ĉiuj vortoj serioze kritikitaj malaperis el tiuj listoj, ili estis unuanime danke ricevataj en nia Esperantistaro. La sagacaj rimarkoj de S-ro Cart, direktoro kaj raportinto de l' komisiono pri komuna vortaro, estos profite ree legataj, kaj se la aparta publikigo de tiuj listoj havus tiun signifon, ke nia Akademio kaj Lingva Komitato intencas tuj repreni sian laboron (tia ne mankas), ĝi fariĝus fakto ĉie ĝoje salutata.

**Love and Language.** A playlet in three acts. *(Amo kaj lingvo.* Triakta teatraĵeto.) *J. J. Boutwood.* British Esperanto Association. 17, Hart Street, London. W. C. 1. 22 paĝoj, 12 × 19 cm. Prezo: 10 pencoj.

Amuza Angla propaganda komedieto; ĝi certe gajigos aŭdantaron, altirante ĝian atenton al Esperanto. Liberaj tradukoj alilingvaj permesus ludi ĝin en neanglaj landoj. Jen la temo. Juna skolto Bob entuziasmiĝis por Esperanto; lia patro policestro ĵus arestis viron suspektatan je ŝtelo, kiu parolas nekompreneblan lingvon; trovata sur li verda stelo rememorigas al la patro la filan sciaĵon; Bob fariĝas okaza interpretisto, inter la patro kaj la arestito, kiu estas respektinda riĉa Ruso, kaj poste inter li kaj Bertha, fratino de Bob, ĝis kiam ilia reciproka amsento eĉ ne plu bezonas vortojn. Ĉiuj feliĉigataj familianoj trifoje huraas Esperanton.

**Kvar infanaj kantoj.** (Four Songs for Children.) Poezioj Esperantaj de *J. D. Applebaum*, muziko kaj Angla traduko de *Charles B. Mabon*. British Esperanto Association. Prezo: 1 sh. (afrankita 1 sh. 2 d.).

Belaj kaj facilaj melodioj kun piano-akompano. Multvokala belsona Esperanto ĉiam tre taŭgas kiel kantata lingvo, kaj la kvar arioj titolitaj: „Jen en rondo“, „Sur la ĉevaleto“, „Lulkanto“, „Sunleviĝo“, certe plaĉos al la dediĉatoj per sia simpla, freŝa, senpretenda muziko.

**Ausführliches methodisches Lehr- und Übungsbuch des Esperanto,** zum Gebrauch beim Selbstunterricht und in Kursen. Ein Hilfsmittel vor allem für solche, die keiner fremden Sprachen mächtig sind. *(Plena metoda Instrua kaj Ekzerca Libro de Esperanto*, por uzo en memlernado kaj en kursoj. Helpilo precipe por tiuj, kiuj scias neniun fremdan lingvon). *Karl Schönherr.* 13a eldono. Ader & Borel, Dresden. 134 paĝoj, 13 × 21 cm. Prezo: 3. 50 Markoj.

Tiel plena kaj preciza la titolo, tiel la libro mem. Kiam verko tia atingas 13an eldonon, oni rajtas supozi, ke ĝi estas bonega lernolibro, kontentiginte ĉiun postulon. Efektive tia estas la verko de S-ro Schönherr, kiu tra 20 lecionoj kondukas paŝe sed certe la lernanton de la elementoj ĝis la plena kono de Esperanto. Kompleta, detala, komprenebla, korekta, kun taŭga ordo de l' enhavo, kaj zorge elektitaj ekzercoj, ĝi plenumu sian rolon: alvenigi al nia anaro nombrajn lertajn samcelanojn.

**Esperanton Opiskeluopas.** Lernogvidanto de Esperanto por Finnoj. *Vilho Setälä*. 64 paĝoj, 14 × 21 cm. Prezo: ne montrita.

Tiu verko estas uzota paralele kun samaŭtora *Esperanta Legolibro* jam recenzita en antaŭa numero. Ĝi konsistas el vorttradukoj, demandaroj, ekzercoj de tradukado kaj gramatikaj klarigoj. Pro la grava lingvodiferenco, tre verŝajne simpla gramatiketo malfacile permesus, ke Finno akiru plenan scion de Esperanto. Preferinda estas la metodo de S-ro Setälä, bazante la studon sur kolekto da bonaj tekstoj zorge gradigitaj, kaj akompanante ilin per necesaj tradukoj, klarigoj kaj konsiloj. Vojo iom pli longa, sed pli certa, pli funda, pli natura, kaj cetere sekvebla tiel bone dum kursoj kiel por memlernado.

**Pieni Suomalais-Esperanto Tulkkikirja.** (Malgranda Finna-Esperanta Frazlibro). *H. Salokannel.* 72 paĝoj, 12 × 18 cm. Prezo: 2. 50 Finnaj Markoj.

Post rimarkoj pri la elparolado de l' Esperantaj literoj, sekvas kolektoj da frazoj aŭ vortoj, Finnaj kaj Esperantaj, pri diversaj kutimaj temoj kaj praktikaj aferoj. Komercaj leteroj, anekdotoj kaj poezioj finigas tiun verketon, celantan havigi al lernantoj ekzercojn de l' parola uzo de Esperanto. Al alilandanoj ĝi montras, kiel malsimila al ceteraj lingvoj estas la Finna, kio komprenigas, kial por Finnoj progresoj de Esperanto en kaj ekster la lando estas grava fakto.

**Curso elementar de Esperanto.** *Saldanha Carreira* kaj *Luzo Bemaldo.* 160 paĝoj, 11 × 19 cm. Prezo: 1 escudo.

Tiu nova lernolibro por Portugaloj estas tre bone prezentita. Antaŭparolo konigas la devenon kaj la karakterojn rimarkindajn de Esperanto. Ĉiu el la dek lecionoj estas sufiĉe ampleksa kaj enhavas gramatikajn klarigojn kaj ekzemplojn, vortaron, ekzercojn. La sinsekvaj tradukotaj tekstoj, ĉu Portugalaj, ĉu Esperantaj, estas sence interligitaj kaj formas tutan historion. Eĉ amuzaj bildoj helpas la komprenon de l' participoj aŭ de l' prepozicioj. Vortaro Esperanta-Portugala kaj Portugala-Esperanta finigas tiun bonegan libron, kian oni povas sincere deziri por ĉiuj lingvoj. *G. S.*

**☞ Vi parolas pri centmiloj da Esperantistoj. Pruvu, ke estas almenaŭ kvin mil. UEA bezonas 5000 membrojn!**

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Celo:** *Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco de nacieco, raso aŭ lingvo. Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon de fremdaj popoloj. Disvastigi la uzadon de la lingvo Esperanto. Krei internaciajn servojn uzeblajn de ĉiuj homoj kaj entreprenoj, kies interesoj celas trans la limoj de ilia gento aŭ lingva teritorio. — UEA kunigas ĉiujn samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, taŭgas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron (aperos en printempo 1920).*

**Kotizajoj:** Membro: *5 Fr. Svisaj. (Belgio kaj Francio: 6 Fr. Britio: 4 sh. Germanio: 12 Mk. Hispanio: 5 Pes. Italio: 7 L. Nederlando: 2.50 Guld. Skandinavio: 3.50 Kr. Finnlando: 10 F. M. Aŭstrio kaj Hungario: 30 Kr. Ĉeĥoslovakio: 12 Kr. Jugoslavio: 20 Kr. Bulgario: 15 Lev. Polio: 12 Mk. Usono: 1 Doll.)*

Membro-Abonanto *(ricevas la gazeton): 12.50 Fr. Svisaj. (Belgio kaj Francio: 15 Fr. Britio: 10 sh. Germanio: 30 Mk. Hispanio: 12.50 Pes. Italio: 17.50 L. Nederlando: 6.25 Guld. Skandinavio: 8.75 Kr. Finnlando: 25 F. M. Aŭstrio kaj Hungario; 75 Kr. Ĉeĥoslovakio: 30 Kr. Jugoslavio: 50 Kr. Bulgario: 37.50 Lev. Polio: 30 Mk. Usono: 2.50 Doll.)*

Membro-Subtenanto *(ricevas la gazeton): 25 Fr. Svisaj. (Naciaj prezoj: duoble pli ol membro-abonanto.)*

Membro dumviva *(kun la gazeto): 300 Fr. Svisaj.*

Esperantia Entrepreno *(komercaj firmoj, societoj, k. t. p.): 12.50 Fr. Svisaj. (Naciaj prezoj: same kiel membro-abonanto.) La Entreprenoj rajtas presigi 40-vortan anoncon en la Jarlibro.*

**Centra Oficejo:** *Museumsstrasse 14, Bern (Svisio). — Bankkonto: Handelsbank (Banque Commerciale). Bern. — Poŝtĉeko: III 2600.*

**Varbado de novaj Delegitoj.** — Ni ofte ricevas de samideanoj dezirantaj helpi al nia Asocio proponon pri tio, ke ni elektu tiun aŭ alian de ili konatan Esperantiston kiel Delegiton en loko, kie UEA ne estas ankoraŭ reprezentata. Ni devas atentigi ilin, ke ni enregistras novan Delegiton nur post kiam la proponita persono *mem* formale skribis al ni pri sia preteco akcepti la nomitan taskon aŭ subskribis koncernan formulon, kaj pagis la kotizaĵon kiel membro-abonanto por la kuranta jaro.

**Garantia Kapitalo.**

*Listo de garantiantoj*

Unua serio — dua parto

| | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo | 8725 |
| Jena garantianto akiris *duan* ateston | |
| 71. S-ro G. D. Buchanan, Glasgow (Skotlando) | 100 |
| Frankoj | 8825 |

Dua serio

| | Frankoj |
|---|---|
| 1. S-ino Elisabeth Bünemann, Hamburg | 300 |

Ni speciale dankas S-inon Bünemann pri ŝia aliĝo kiel D. M. je la dua serio malgraŭ la nuntempa ekstreme malfavora kurzo de la Marko. Ni esperas, ke samideanoj, kies landoj havas favorajn kurzojn, sekvos tiun ekzemplon.

**Kotizaĵoj por 1920.** — Je la 31 januaro estis enkasigitaj 1072 kotizaĵoj (el kiuj 343 membroj, 696 membroj-abonantoj kaj 33 subtenantoj). Krom tio estas 218 dumvivaj membroj. Sume: 1290. — *Esperantiaj Entreprenoj*: 40.

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato januaro:

Ricevitaj: 1084. — Forsenditaj: 1111. — Tuta sumo: 2195. (Antaŭa monato: 3805.)

**Subtenantaj membroj.**

*Tria listo:*

18. K. Hiller, Bamberg. — 19. F-ino J. Thooris, Brugge. — 20. W. Buchheim, Boulder (Usono). — 21. R. Eliott, Yelberton (Anglio). — 22. G. van Heek, Hengelo (Nederlando). — 23. D. Vojković, Doboj (Jugoslavio). — 24. R. Buseth, Namsos (Norvegio). 25. E. Elten, Hildesheim. — 26. D-ro A. Stamatiadis, Konstantinoplo. — 27. J. Malachofsky, Pittsburgh (Usono). — 28. A. Peck, Croydon (Anglio). — 29. S-ino F. Baker, Troy (Usono). — 30. J. Perriard Cortaillod (Svisio). — 31. S-ino A. Tuschinski (Danzig). — 32. W. Page, Edinburgh. — 33. V. Bonde, Falun (Svedio).

**Delegitoj.** — Delegitoj estas elektitaj en la jenaj lokoj:

*Antibes* (Francio, Alpes Maritimes). — D.: S-ro Th. Audisio, florkulturisto, 32, rue Vauban.

*Beograd* = *Belgrad* (Jugoslavio, Serbio). — D.: S-ro Dragomir Andonoviĉ, inĝ., universitata profesoro, 23, Brankova.

*Berlin-Weissensee* (Germanio). — D.: S-ro Walther Gieseler, Prenzlauer Promenade 14.

*Bodenbach* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro Karl Göll, fervojisto, Kröglitz 707. — VD.: S-ro B. Sündermann, doganisto, Schmelze 203.

*Bratislava* = *Pozsony* = *Pressburg* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro D-ro St. Kamaryt, profesoro, Telocviĉná 3.

*Budafok* (Hungario). — D.: S-ro Emeriko Padoŝ, bankoficisto, Pemintereti Kõrpout Deâh Ferencz u. 1.

*Clermont-Ferrand* (Francio, Puy-de-Dôme). — D.: S-ro Annet Thomas, ĉe S-ro Mally, aux Ormeaux, ch. de la garde-barrière.

*Dux* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro Max Murath, profesoro, Gymnasium. — VD.: S-ro Josef Veselý, fervojisto, Han-Dux.

*Enschede* (Nederlando, Overijsel). — D.: S-ro G. P. de Bruin, Aleeweg 9.

*Friedrichsthal* (Saarland). — D.: S-ro Jakob Schenkel, desegnisto, Karlstr. 1.

*Hanau a. M.* (Germanio). — D.: S-ro Christian Stoll, Rhönstr. 4.

*Hangesund* (Norvegio). — D.: S-ro Arne Sather, korespondisto, Sparebank.

*Holešov* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro Karel Loveček, Palackeho tř. 7.

*Kazvin* (Persio). — D.: S-ro Mohamed Labib, instruisto, Tavakol School.

*La Mure* (Francio, Isère). — D.: S-ro Léon Caillet, profesoro.

*La Varenne St-Hilaire* (Francio, Seine). — D.: S-ro L. A. Prévot, ledkomercisto, 70, Bd. de Champigny.

*Lažnê Luhačovice* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro Joŝa Mareŝ, instruisto. — VD.: S-ro D-ro Henriko Ŝipek, kuracisto, villa Praha.
*Leitmeritz* — *Litomerice* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro W. Heller, Lange Gasse 35. — VD.: S-ro D-ro Rudolf Hickel, prof., Mareschgasse.
*London-Plumstead* (Anglio). — D.: S-ro W. H. Dennis, 65, Vernham Rd.
*Mainz* (Germanio, Rhein-Hessen). — D.: S-ro Peter Becker, komercisto, Holzstr. 10.
*Menzelen West* (Germanio, Rheinland). — D.: S-ro Hermann Wolfertz, instruisto.
*Montignies-sur-Sambre* (Belgio). — D.: S-ro Robert Névraumont, instruisto, 5, rue du Pont Bary.
*Odense* (Danio). — D.: S-ro Martin Palsberg, fervojoficisto, Buchwaldsg. 31.
*Oppeln* (Supera Silezio). — D.: S-ro Edmund Fethke, studento, Ring 11.
*Palermo* (Italio). — D.: S-ro Francesco Miguori, librotenisto, 57, via Oreto.
*Presdhen bei Bilin* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro Rudolf Löschner, direktoro.
*Reading* (Anglio, Berks). — D.: S-ro Geo L. Preedy, 22, Highmoor Rd. Caversham.
*Redwood City* (Usono, Cal.). — D.: S-ro B. E. Myers, komerca instruisto.
*Regina* (Kanado, Sask.). — D.: S-ro W. C. Western, 2210, Montague St.
*Reichenberg* — *Liberec* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro Anton Häbner, instruisto, Franzensdorferstr. 31. — VD.: S-ro Ferdinand Kaulfers, Franzensdorf.
*Rostock* (Germanio, Mecklemburg). — D.: S-ro August Wilken, ekspedisto, Kasernenstr. 11.
*Saaz* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro Josef Süsser, profesoro, Saaz 687.
*Santander* (Hispanio). — D.: S-ro J. E. Pedraz, Ruamenor 32.
*Szombathely* (Hungario, Vas megye). — D.: S-ro Laszló Izsó, presisto, Hollàn Eznö u. 19.
*San Feliu de Guixols* (Hispanio). — D.: S-ro Victor Lluis, 9, Calle Eden.
*Talleres* (Argentino, F. C. S.). — D.: S-ro José Catala, 2049, S. Martin.
*Todmorden* (Anglio). — D.: S-ro F. Gibson, fiŝvendisto, 4—19, Stansfield Rd.
*Trenčin* — *Trencsen* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro E. Hoffmann, kalkulkonsilanto, Pü. Szam.
*Troyes* (Francio, Aube). — D.: S-ro C. Chandelliez, fiŝbredisto, 97, r. des Noes. — VD.: S-ro H. Debarry, 16, r. Gallet, Ste-Savine.
*Užhorod* — *Ungvar* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro R. de Szöke, Teleki u. 6.
*Wisbech* (Anglio, Cambs). — D.: S-ro A. Capman, Kenilworth, Walton Highway.

Ŝanĝoj:

*Béziers* (Francio, Hérault). — D.: F-ino J. Flourens, 111, avenue G. Clémenceau.
*Cette* (Francio, Hérault). — D.: S-ro Henri Guibal, Cité Doumet, Maison Meynier. — VD.: S-ino Marthe Juillard, 23, r. Jean Jaurès.
*Sevilla* (Hispanio). — D.: S-ro D-ro Joaquin Macnaca, kuracisto, 108, Calle San Luis. — VD.: S-ro Carlos Martinez, fervoja oficisto, Estacion Plaza de Armas, Via y Obras.

Adresŝanĝo:

*Rotterdam* (Nederlando). — VD.: S-ro F. Pakker, p. a. Carnelisselaan 42 a.

---

☛ **Petego al niaj Delegitoj: Sendante aliĝojn, uzu la membrolistojn, kiujn ni sendis al vi, kaj postulu novajn, se via provizo elĉerpiĝis. Evitigu al ni rekopiadon kaj tempoperdon. Tempo estas mono, kaj monon ni ne havas.**

---

# Esperantista Parolejo

## La historio de lokaj grupoj

Antaŭ nelonge, la redaktoro de „Esperanto Monthly" petis, ke mi verku artikolon pri „La Esperanto-movado en Yorkshire", kaj konsilis al mi, ke mi faru taŭgan aludon pri ĉiuj lokaj eminentuloj, kiuj partoprenis en la antaŭenpuŝado de Esperanto de la unuaj tagoj ĝis hodiaŭ. Ŝajnas simpla peto, tre facile plenumebla, ĉu ne? Certe, mi kredis tion — je la komenco! Poste, mi iomete ŝanĝis tiun opinion, pro kialoj, kiujn mi citos.

Pro tio, ke mi ne posedis la necesajn faktojn pri la diversaj grupoj en Yorkshire, mi sendis poŝtkarton al ĉiuj grupsekretarioj, petante ke ili skribu ĉiujn detalojn pri siaj grupoj, kune kun la nomoj de la ĉefaj subtenintoj de la afero. Post la ricevo de tiuj detaloj, mi kredis, mi povus elekti la plej taŭgajn faktojn, kaj verki interesplenan artikolon! La homo proponas, kaj, poste, li vekiĝas! Mi ricevis nur du-tri ŝajne plenajn respondojn, sed post iom da pripensado, la memoro montris al mi, ke la skribintoj forgesis la nomojn de kelkaj bonegaj helpintoj; kelke da sekretarioj ne faris ian respondon, kaj la ceteraj nur skribis por diri, ke ili ne havas ion por skribi, ĉar ili ne posedas dokumentojn rilate al la pasintaj faroj de siaj societoj, kaj tial, kvankam ili deziris helpi min, al ili mankis la povo fari tion. Jen grava konfeso. Se la grupoj mem ne konservas raportojn pri sia agado, ne estas eble por aliaj personoj, kompili, nun aŭ en la estonteco, taŭgan historion pri la kreskado kaj disvastigo de la sankta afero.

Pro la ĵus priskribita sperto, ŝajnas al mi dezirinde, ke oni konsilu al la oficistoj de societoj, kiuj ĝis nun ne zorgis pri tiu flanko de siaj devoj, ke ili komencu konservi ĉiujn detalojn kaj raportojn rilate al la movado en sia regiono, por ke la samideanoj, kiuj sekvos ilin, povu kompreni la tutan historion de la societo. Multe da sekretarioj jam faris tion, kompreneble, sed sendube estas aliaj, kiuj fidas tro ofte je la memoro anstataŭ raporti ĉiujn detalojn rilate al la agado kaj aferoj pri siaj societoj en *taŭgan libron*, forgesinte, ke post iom da tempo, ili, kune kun ĉiuj oficistoj, pro diversaj ne antaŭviditaj kialoj eble estus devigitaj iri al aliaj regionoj, kaj ke la oficistoj, kiuj sekvus ilin, *ne* havus ian scion pri la frua historio de tiu societo.

Tial, mi forte konsilas al la grupsekretarioj, ke ili penu kolekti la plej plenajn detalojn rilate al la pasinta historio pri siaj societoj, ĉu lokaj, ĉu naciaj, kaj fari raporton por la profito de estontaj oficistoj kaj anoj de la societo. Plue, mi proponas al ĉiu societo, ke ĝi havigu bele binditan libron, por ke oni povu enmeti la fotografaĵojn de la plej agemaj anoj kaj helpintoj kune kun iliaj subskriboj kaj kelkajn detalojn rilate al iliaj laboroj por la kara afero. La kosto de taŭga libro ne estus granda, sed la valoro kaj intereso, kiun ĝi havus por la grupanoj, estus senlima, krom la fakto, ke ĝi rememorigus nin, ne nur pri la nomoj de niaj kunlaborintoj, sed ankaŭ pri iliaj vizaĝoj.

Ankoraŭ unu propono, kaj mi finos ĉi tiun atakon kontraŭ niaj bonegaj samideanoj, la sekretarioj, kiuj ĉiam entreprenas la plej grandajn taskojn, kaj ricevas nenion krom ŝtonoj. Kelke da sekretarioj estas tro modestaj. Eĉ kiam iliaj grupoj aranĝis sukcesplenan propagandan kunvenon aŭ koncerton, mankas al ili la kuraĝo sendi raporton pri la okazintaĵo al la publikaj ĵurnaloj. Jen bedaŭrinda manko. La sukceso de la movado dependas je la manoj de la homamaso, kaj se ni ne ĵetas la semon antaŭ iliaj okuloj, ili neniam vidus kaj komprenus la signifon de nia afero. Utiligu la presadon ĉiam kaj ĉie. Presigu foliojn pri viaj propraj grupoj laŭ povo, sed, krom tio, uzu la publikajn ĵurnalojn samtempe, ĉar per ili oni povas ĵeti novaĵojn antaŭ la okuloj de dek, dudek, eĉ cent mil personoj. Sed kiam aperas artikolo pri viaj grupoj en la ĵurnaloj, ne forgesu enmeti kopion en la grupan preslibron, por ke ĝi povu fariĝi *plua paĝo* en la historio pri via societo.

*Konservu kaj kolektu la detalojn hodiaŭ, por ke oni povu legi ilin morgaŭ.*

*John Merchant*, F. B. E. A.

---

## Nova elpensaĵo: migrantaj leteroj!

Jam dum multaj jaroj Esperantistoj en ĉiuj landoj kaj eble precipe Delegitoj de UEA estas pli aŭ malpli ĝenitaj per la tiel nomataj „migrantaj kartoj", kiajn oni ofte ricevas de tute nekonataj homoj petantaj, ke oni „ĝin pluen forsendu en landon, kie ĝi ne ankoraŭ estis". Ĝenerale la elsendinto promesas al la ricevontoj kiel kompensaĵon por la forsendo „belan ilustritan poŝtkarton". Kvankam mi spertis, ke tiu promeso nur tre malofte estas plenumata, kaj kvankam mi konsideras tiun formon de propagando tute sensignifa por nia afero, mi ĝis la fino de la milito konscience prizorgis ĉiujn migrantajn kartojn, kiujn mi ricevis, forsendinte pluen, ĉefe al samideanoj, kun kiuj mi havis interrilaton, — kaj vere ne estis tre malgranda sumo da mono, kiun mi jaron post jaro elspezis tiamaniere. Post la finiĝo de la milito la nombro de „migrantaj kartoj" tamen tiel terure kreskis, ke mi faris la decidon, ne plu forsendi ilin, kaj mi supozas, ke mi per tio faris al multaj samideanoj ŝatindan servon!

Flanke de la „migrantaj kartoj" jus aperis nova elpensaĵo nomita „rondirantaj *leteroj*", kaj eĉ nia eminenta samideano, S-ro Setälä, faras en sia gazeto „Esperanta Finnlando" viglan propagandon por tiu novaĵo. La specimeno de tiuj leteroj, kiun mi ricevis por plua forsendo „okcidenten", enhavis la adresojn de la Delegitoj de UEA por la okazo, ke ricevontoj de la letero ne konus adresojn de samideanoj en la aludita direkto! La elsendinto eĉ admonis al la ricevontoj ne sole pluen forsendi la leteron, sed sendi al la antaŭa sendinto poŝtkarton kun informo pri la posta ricevonto! Nek respondkuponoj por la forsendo, nek sciigo pri membreco de UEA troviĝis en la letero. Mi tuj ĝin resendis al la Finnlanda elsendinto kun energia protesto kontraŭ tiaspeca trouzo de la servoj de UEA.

Sendube multaj aliaj Delegitoj de UEA povos atendi la alvenon de tiaj „rondirantaj leteroj" — sen intereso al ĉiuj aliaj samideanoj ol la sendintoj mem — kaj mi esperas, ke la plej multaj faros same kiel mi. Tio certe estas la plej efika rimedo por malaperigi tiaspecajn „aperaĵojn".

*C. A. Hoorslev*,
Del. de UEA, *Aarhus* (Danio).

## Pri morala instruo

Mi deziras metode solvi la problemon de morala instruo, seneklezia, en formo taŭga por ĉiuj popoloj. Sub la titolo: „Eduko al socia agado" (Erziehung zur Gemeinnützigkeit) mi eldonis mian unuan libron, en Praha 1913, pseŭdonime Arnold Berger. Malgraŭ neperfektaĵoj tiu provo trovis varman aprobon. Ekzemple Berta v. Suttner skribis: „Nia tempo sopiregas je tia libro"; gazeto por protekto de bestoj: „Jen estus kandidato por la Nobel-premio"; revuo pedagogia: „Tiu libro estas provo tre atentinda, pionira, por enkonduki praktikan moralon en la lernejojn". Aliaj prijuĝoj similaj estas je dispono. Mi nun intencas fari novan eldonon, kiu enhavos biografiojn de morale plej altrangaj personoj, kiujn la popoloj respektas kiel siajn sociajn bonfarantojn, do homoj el iu ajn historia epoko, kies vivo, suferado kaj bonagado estas ekzemplo por la junularo. La librojn pri ili, kiujn vi bonvolu indiki, mi laŭeble venigos: el tiuj biografioj mi elektos la ecojn kaj farojn plej imitindajn, por ke mi povu inde prezenti al la gejunuloj tiun aron da homamaj eminentuloj. Granda estas la laboro, sed granda mia celo: elradikigi la malamon el la junaj koroj kaj konstrui ponton super la fendego, kiun malfermis la milito inter la popoloj. Bonvolu do baldaŭ informi min pri la sociaj herooj de via lando, vi helpos al la interfratiĝo, alcelata de la Esperantistoj.

*Johann Stordi*, fakinstruisto,
*Petschau apud Karlsbad* (Bohemio).

**☛ Kun tiu ĉi numero estas senpage sendata specimeno de pligrandigita „British Esperantist".**

# Niaj Mortintoj

**Trinidad Soriano Hidalgo.** — Tiu ĉi eminenta viro, kiu mortis en Sevilla la 9 januaro, estis eminenta arĥitekturisto, scienca doktoro kaj fama politikulo; en la lasta tempo li estis konsilanto de la ĉi-tiea urbestraro, provinca deputato, posedis la Katolikan Isabelan Ordenon, kaj estis en Hispanio unu el niaj plej kleraj kaj famkonataj pioniroj. Li estis Delegito de UEA, prezidis dum dek jaroj la Sevilla'n Esp. Grupon, kiun li fondis, ankaŭ estis prezidanto de la „Hispana Societo por propagandi Esperanton" kaj line de la Andaluzia Esp. Federacio. Li ĉeestis kelkajn internaciajn kongresojn, ĉu reprezentante la lokan grupon, ĉu la Hispanan Esperantistaron. Dum la tempo de lia politika agado en la urbestraro, li atingis bonan monhelpon por nia grupo kaj instruis nian lingvon al policanoj.

Fervora apostolo de nia idealo, entuziasma kaj senlaca propagandisto, li dediĉis la lastan parton de sia vivo por instrui kaj disvastigi Esperanton, plenumante la celon de la neforgesebla Majstro, tio estas, unuigi la plej malproksimajn popolojn de la mondo per helpa lingvo. Li forĝis en sia menso la ideon, ke la homaro estas granda familio, en kiu nur devas regi paco, frateco kaj amo.

Li estis verkanta Esperantan gramatikon kaj vortaron, kaj liaj lastaj vortoj en tiu ĉi vivo estis por Esperanto.

La Sevilla'j Esperantistoj perdas en li fervoran pioniron de la movado; la eksterlandaj, bonan amikon kaj samideanon, kies nomo kaj laboro restos ĉiam neforgesebla en la historio de Esperanto.

*Carlos Martinez*,
Sekretario de la Andaluzia Esperantista Federacio.

# Esperantista Literatura Asocio

Nia diligenta kolegaro
En laboro paca ne laciĝos.

*Marta raporto*

Nur malrapide la laboro de E. L. A. rekomenciĝas. Dum la pasintaj kvin jaroj tridek novaj anoj aliĝis; ili estas pretaj je laboro, sed manuskriptoj nur malofte estas sendataj.

Anoncita estas „*La kantistino*" de W. Hauff, tradukata de la Breslaŭa grupo; ni do petas, ke ne samtempe iu alia entreprenu la saman verkon.

„*Songo de somermeza nokto*" de Shakespeare estas tradukita de Louise Briggs. Ĝi aperis en la trimonata gazeto „*Literaturo*". F-ino Louise Briggs, West Lea Armley, Leeds, Anglujo, aliĝis al nia asocio.

S-ro Iv. Krestanov, en Bern, tradukas la plej grandan kaj plej karakterizan romanon de la Bulgara literaturo, „*Sub la Jugo*" (Pod igoto), ĉefverko de la nacia poeto Ivan Vazov. Estas prespreta la traduko de „*Ĉe la piedoj de Vitoŝa-monto*", moderna kortuŝa dramo de P. K. Javorov, kaj la humorplena rakontaro „*Baj Ganjo Balkanski*" de Aleko Konstantinov.

Kolego al ni skribis: „La Esperantista Literatura Asocio kontrolu ĉiujn librojn antaŭ la presado; la recenzantoj ŝparus multe da tempo kaj la publiko ricevus senriproĉajn legaĵojn. Ni havas ĉi tiun bonegan institucion, sed oni ne uzas ĝin ĝenerale."

Post la migrado de niaj raportoj al tiu ĉi gazeto, ni ne volas preterlasi la okazon, esprimi nian sinceran dankon al „*Oficiala Gazeto Esperantista*", Paris, kiu dum tri jaroj aperigis ilin sub la nomo de „*Bulteno*", presitaj sur aparta presfolio. Ni sendis la tri jarkolektojn bele broŝuritajn al Paris, por kongreseksporzicio. Oni ilin ankoraŭ nun tie konservas; espereble ili estos baldaŭ resendataj kune kun la albumo, enhavanta portretojn de nia kolegaro.

La administrejo estas en Dresden, Nicolaistr. 18.

Prezidantino: *S-ino M. Hankel*.

# REKLAMO

## KORESPONDADO

*TARIFO:* Unu enskribo (la adreso kaj ne pli ol 5 vortoj): Fr. 0.75. — Por ĉiu plua linio (= 10 vortoj) Fr. 0.50. — Rabato da 10 % por 3 enpresoj kaj 25 % por 12 enpresoj.

*MALLONGIGOJ:* L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. PI = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. bfl = *poŝtmarko sur bildflanko*. k. ĉ. l. = *kun ĉiuj landoj*. Esp-ajo = *Esperantaĵo*.

### Aŭstrio

**Wien.** — S-ro Vaclav Stary, XV. Turnergasse 25/15, L, PI, PM, k. ĉ. l. (salutas siajn malnovajn korespondantojn kaj denove koresp. kun ili pri ĉiuj nuntempaĵoj).
**Wien.** — S-ro Frederiko Molnár, inĝeniero, IX/4 Währingergürtel 162, PI, PM, L (pri elektrotekniko kaj elektromedicino, pri socialaj temoj).

### Belgio

**Bruxelles.** — F-ino Jennen, 39, rue d'Albanie, PI, L (pri ĉiuj temoj).

### Britio

**Burnley.** — La Esperantista Societo, Victoria Chambers, Hargreaves Street, aranĝas je fino de marto leter- kaj poŝtkartvesperon, L kaj PI estas atendataj el ĉiuj landoj. Al ĉiuj oni respondas.
**Hastings.** — S-ro J. J. Boutwood, Holland House, petas alsendon de L kaj PK al la Esp. Grupo por legado ĉe speciala kunveno lastan mardon en februaro 1920. Al ĉiu sendinto oni respondos.
**Kingston-on-Thames.** — S-ro L. Dibben, The Lodge, St. James Road, PI, k. ĉ. l.
**London N. W. 1.** — S-ro Ernest J. Watson, 6, Balcombe Street, Dorset Square, L, PI (pri sociologio, reformaj movadoj, vivkutimoj, k. ĉ. l.; ankaŭ kun poŝtoficistoj pri la poŝtoficejoj en ĉiuj landoj).
**Wallsend-on-Tyne.** — S-ro J. H. Murray, 13, Beech Grove, L, PI, bfl, k. ĉ. l.

### Ĉeĥoslovakio

**Brno.** — S-ro Jan Šembera, Francouzská 72, instruisto de desegno, PI (arte), L (pri artista edukado, pri kreaj esprimoj de la infanoj, precipe desegnaĵoj, modelaĵoj, manlaboraĵoj, ludiloj, marioneta teatro, stilaj laboroj, muzika edukado).
**Kukleny 221.** — S-ro Oldřich Smetana, PI, PM, bfl.
**Moravany.** — Bohema Esperanto-Servo, PI, Esperantaĵojn, kolektas adresojn.
**Opava.** — S-ro Alois Zedník, oficisto de la Bohema Industria Banko, PI, bfl, k. ĉ. l. (petas komercajn rilatojn).
**Plzen.** — Membroj de Turista Asocio, precipe laboristoj, skoltoj, fervojistoj, fotoamatoroj, studentoj, deziras korespondi. Oni skribu al S-ro Josef Pech, Houškova 4.
**Praha.** — F-ino Julie Šupichová, Del. de UEA, Malá Štepanská 6, kolektas adresojn de junaj korespondantoj. La adr. estas senpage publikigataj en Ĉeĥoslovakaj gazetoj.
**Tuklaty ap. Ouvaly.** — F-ino Boza Chroustová (kun partoprenantoj de „Sokola Kongreso 1920 en Praha").
**Zumberk.** — S-ro S. Zajíček, Zumberk 85 u. Chrudim, PI, L, k. ĉ. l., en Esperanto, Ĉeĥa, Angla kaj Franca.
**Zvolen.** — S-ro Frant. Baliček, instruisto, PI kaj naciiingvaj gazetoj ilustritaj.

### Finnlando

**Asikalla.** — S-ro W. Backman, Aniapetto, PM.
**Gamlakarleby.** — S-ro Herman Remell, instruisto, PI, L, kun kolegoj, prefere ekstereŭropanoj.
**Oitti** — S-ro Einari Ruusunen, Puujaa, PI, PM, k. ĉ. l., L (precipe kun eksterEŭropanoj, prefere alirasanoj).
**Orimattila.** — S-ro Arvi Pihkala, Leitsa, PM.
**Terijoki.** — S-ro Tarmo Sutinen, PM (interŝanĝo de Finnaj, Rusaj kaj Estoniaj kun PM-kolektantoj alilandaj).
**Turku.** — F-ino Annikki Hytönen, o/y Minerva, PI.
**Viipuri.** — S-ro Hannes Koivu, instruisto, Tilliruukki Villhonkatu 36, L, PI, kun instruistoj.
**Viipuri.** — S-ro J. Auer, Aleksanterinkatu 23, PI.
**Viipuri.** — S-ro R. Bergroth, fervojoficisto, Maununkatu 11 as 19, PI.
**Viipuri.** — S-ro Outo Sarpio, Likolampi Siimeskatu 1, PI, PM, bfl.
**Viipuri.** — S-ro Vilho Salonen, Kelkkala Kalvokatu 6, L, PI.

### Francio

**Lille.** — S-ro L. Lepercq, 67, rue de Lannoy, PM, k. ĉ. l. Povas liveri Francajn ruĝkrucajn PM kaj la katalogon Yvert & Tellier, 1920. Havas 10,000 PM por interŝanĝo. Ne sendas unue, sed certe kaj tuj respondas.

### Germanio

**Eisenach.** — S-ro H. Kaufmann, Mitteldeutsche Privatbank, L, PI, PM.
**Eisenach.** — S-ro K. Birkner, Mitteldeutsche Privatbank, L, PI, PM (speciale kun fraŭlinoj).
**Görlitz.** — S-ro Alfred Scholz, Breitestr. 3, nur L (kun lertaj Esperantistoj pri politiko, filozofio kaj socia vivo).
**Leipzig.** — S-ro H. Schubert, oficisto, Körnerstr. 42, PI, L, PM.
**Potsdam.** — S-ro O. Wehnert, Burgstr. 56/I, PI, L (pri okultismo kaj teozofio).
**Wilhelmshaven.** — S-ro B. Eden, Kielerstr. 28, L, PM, PI.

### Hispanio

**Barcelona.** — S-ro Amadeo Aguiló, 156, Calle Provénca, L, PI.
**Barcelona.** — S-ro Domingo Albert, 127, Muntaner (Pintos), PK (tuj respondas).
**Barcelona.** — S-ro Vicens F. Bort, muzikverkisto, Gran Via Diagonal 552-2, PK, L (koresp. Angle, Germane, France, Esperante).
**Barcelona.** — S-ro Ludoviko Domenede, 51, Laforja vda., PK, L, k. ĉ. l.
**Barcelona.** — S-ro Sangenis, 1, Asturias (Paco kaj Amo), PK (respondas nur unufojon).
**Huesca.** — S-ro Roberto Maraury, 8, Sto. Domingo (politikajn, komercajn aŭ artajn Anglalingvajn gazetojn — reciprokos per Hispanaj).
**Jerez de la Frontera.** — S-ro Pedro Naranjo Martiner, 10, Avila, PI, PM.
**Madrid.** — S-ro Ernesto Reyes, Caja Postal de Ahorros, L, PI (kun poŝtistoj ĉiulandaj pri poŝtaj aferoj).

### Hungario

**Budapest.** — S-ro Jozefo de Matefly, Fehervari u. 9, L, PI, bfl.
**Budapest.** — S-ro Eugen Missura, Hunyady ter. 8, III, VI, L, PI, PM.
**Budapest.** — S-ro Ludoviko Totsche, studento, IV. Váci-utca 79, L (kun Eŭropanoj) L, PI (kun neeŭropanoj).
**Budapest VII.** — S-ro Henrik Wittenberger, farmaciisto, Almássy ter. 15, L, PK, PI, k. ĉ. l.

### Italio

**Roma 4.** — S-ro Elio Migliorini, 85, Piazza Scanderbeg, L (kun sportemuloj), PI, PM (100 Italaj kontraŭ 100 de alia ŝtato).

### Jugoslavio

**Doboj** (Bosnio). — S-ro D. Vojković, apotekisto, PI, L, PM, k. ĉ. l.
**Pirote** (Serbio). — S-ro Svetolik Djordjević, instruisto, Donja ul. 36, L (kun junaj geinstruistoj ĉiulandaj pri la infanedukado kaj la sistemoj de la diversaj eduklernejoj).

### Nederlando

**Wamel bij Tiel.** — S-ro H. v. Duuren, PI, k. ĉ. l. (pri havenoj, ŝipoj, maro, riveroj, k. t. p.).
**Wormerveer.** — S-ro P. Vermeulen, Wandelweg, PM, k. ĉ. l.
**Zutphen.** — S-ro J. de Lang, Buitensingel 90, PI, PM, interŝanĝas portretojn.
**Zwolle.** — S-ro J. Kromme, fervojoficisto, Molenweg 168, PM, k. ĉ. l., PI (prefere stacidomoj, monumentoj, k. t. p., sed ne fantaziaj).

### Norvegio

**Kristiania.** — S-ro Rolf E. Bugge Paulsen, supera leŭtenanto, Villa „Espero", Sörkedalsvei 73, nur PI, bfl, k. ĉ. l.

### Polio

**Siedlce.** — S-ro Cz. Pruski, Str. 28 de Majo 390, salutas ĉiujn siajn antaŭmilitajn gekorespondantojn kaj serĉas novajn, precipe ekstereŭropajn.
**Siedlce.** — S-ro R. Pruski, Str. 28 de Majo 390, L, PI (kun skoltoj ĉ. l.), interŝanĝas fotojn.

### Svedio

**Göteborg.** — Esperanto förening serĉas korespondantojn, PI, L.
**Lund.** — S-ro A. W. Friberg, PM kaj fotografaĵoj.

### Nord-Ameriko

**Chicago** (Illinois). — S-ro W. M. Tabenski, 1041, Milwaukee Ave. (pri sociaj kaj politikaj aferoj, nunaj okazantaĵoj).
**Ebor** (Kanado, Man.). — S-ro A. J. MacAdoo, PI, PM (militmarkoj dezirataj, precipe de novaj Eŭropaj ŝtatoj, Afriko, Azio, Britaj kolonioj).
**Metuchon** (N. J., U. S. A.). — S-ro A. S. Arnold, Box 36, PM, k. ĉ. l. Havas 9000 diversajn por interŝanĝo. Tuj respondos.
**Montreal** (Kanado). — S-ro T. A. Allan, c/o The Signal Engineer, Grand Trunk Ry. interŝanĝas dumovajn ŝakproblemojn kun ĉiuj, ankaŭ PI kaj L. Li esperas, ke multaj mez-Eŭropanoj skribos.
**Wahkon** (U. S. A., Minn.). — S-ro Pierre Parish, Consolidated School, PI, L, PM (kun eksterlanduloj pri ilia respektiva lando).

### Sud-Ameriko

**Buenos-Aires** (Argentino). — S-ro Angel Mazzuconi, 988, Cochabamba, PI, bfl, k. ĉ. l.
**Santa Fé** (Argentino). — S-ro Carmelo Liguori, Belgrano 201, Norte, L, PK, bfl, PM, k. ĉ. l. (pri ĉiuj temoj escepte pri teknikaj kaj sciencaj, precipe pri sociaj aferoj).
**Talleres F. C. S.-Buenos-Aires** (Argentino). — S-ro Domingo Mondini, 6164, Centenario, PI, bfl, PM.

### Afriko

**Las Palmas** (Islas Canarias). — S-ro Serafin Rodriguez Perez, Reyes Católicos, PI (kun fraŭlinoj), PM (kun samideanoj).
**Las Palmas** (Islas Canarias). — S-ro Juan Ramires, 1, Renudios, PI (nur kun fraŭlinoj).
**Las Palmas** (Islas Canarias). — S-ro José Ramirez Rodriguez, 6, Travieso, PM, k. ĉ. l.
**Las Palmas** (Islas Canarias). — S-ro German de la Torre, 86, Triana, PM, k. ĉ. l.
**Las Palmas** (Islas Canarias). — S-ro Sebastian Martin, 32 34, Triana, PM, k. ĉ. l.
**Las Palmas** (Islas Canaries). — S-ro Jorge Alvarado, 8, Corázon de Maria, PM, k. ĉ. l.
**Las Palmas** (Islas Canarias). — S-ro José B. Navarro, 17, Dr. Chil, L, PI, k. ĉ. l.
**Las Palmas** (Islas Canarias). — S-ro C. Corrales, 65, Apartado, L, PI, k. ĉ. l., nur Angle.
**Puerto de la Lúz** (Islas Canarias). — S-ro José Plácido Gallardo, str. 12ª nº 15, PM, k. ĉ. l.

## Azio

**Bassein (Burma).** — Rev. W. Cronkhite, baptista misiisto el Usono, Box 10, PI, L (kun siaj antaŭmilitaj korespondantoj k. a. inkluzive gejunuloj kaj infanoj de ĉiuj landoj).

**Peking** (Ĉinio). — La membroj de la Esperanta Instituto „The Government University", PI, L, k. ĉ. I.

## Aŭstralazio

**Melbourne.** — Membroj de la Paca Societo dez. koresp. pri pacifistaj aferoj kun personoj en la tuta mondo (Esp., Angle, France, Germane). S-ro J. G. Pyke, 10, Lennox street Hawthorn (Aŭstralio).

**Ophir, Otago** (Nov-Zelando). — S-ro E. Webber, L, PI (ĝojos ricevi novaĵojn de siaj antaŭmilitaj korespondantoj kaj sciigojn pri personaj travivaĵoj dum la milito).

## PETOJ KAJ PROPONOJ

**Tarifo:** Unu linio (= 10 vortoj) Fr. 0.50. **Rabato** da 10 % por 3 enpresoj kaj 25 % por 12 enpresoj. **Antaŭa pago.**

**Adresaro.** — Adresojn kaj anoncojn por „B. E. S.-a Adresaro de Esperantistoj el ĉiuj landoj" akceptas senĉese „Bohema Esperanto Servo" en Moravany, Bohemio, Ĉeĥoslovakio. Prospekto senpage.

**Anoncoj.** — Mi korespondas L kaj PK pri komercaferoj precipe pri la efiko de anoncosistemoj por podetalaj komercoj. Juan Anguita Galan, Jaen, Hispanio.

**Anglaj jurnalistoj.** — Sveda gazetisto deziras korespondadon kun Angla jurnalisto per leteroj aŭ poŝtkartoj. Skribu al redakcio: Enoch Kihlström, Söderköping (Svedio).

**Astrologio.** — Kiel posedanto de efemeridoj de post 1840 ĝis nuna jaro kaj kiel astrologo serĉas interrilatojn kun samcelanoj internaciaj, Jos. H. Meiler, München, Clemensstr. 78.

**Birdoj.** — S-ro Arthur Scott, Sparrow Herne, Ashmore Green, Newbury, Angl., deziras aĉeti vivantajn albinosajn birdojn (blankajn kun okuloj rozruĝaj), kanabenojn, kardelojn k. s. Li deziras scii adresojn de la plej gravaj Eŭropaj birdvendistoj en Paris, Hamburg, k. t. p., ankaŭ nomojn de Eŭropaj gazetoj birdistaj.

**Bulgaraj Esperantistoj, atentu!** — Sub preso kaj baldaŭ aperos II-a prilaborita kaj pligrandigita eldono de „Lernolibro de Esperanto" enhavanta: Gramatikon, Ekzercaron kaj du Vortarojn, entenantaj la vortradikojn de la U. V., de la du Of. Aldonoj kaj multajn derivaĵojn. Prezo 3 Sv. fr. aŭ 10 Bulg. lv. Mendojn adresi al la aŭtoro: Iv. H. Krestanov, Sonnenbergstr. 11, Bern (Svisio).

**Chrisnuco.** — Kolonio Paragvajo. Internacia kolonio por ambaŭ seksuloj baldaŭ fondiĝos. Ties principoj estos la Kristanismo, vegetarismo kaj nudeco. Por viroj la enirkotizajo estos 10 funtoj Angl., kaj ĉiuj devos pagi sian veturelspezon. Ĉiuj interesatoj petu plenajn detalojn ĉe S-ro Al. Alcock, 166, Sydenham Road, Sydenham, London S. E. 26 (Anglujo).

**Edziĝo.** — Instruita sinjorino (universitata instr.), de perfekta eduko, tre bone prezentiĝanta, neriĉa, deziras edziniĝi kun 40—50 jara, klera sinjoro, de liberala profesio (kuracisto, advokato, profesoro) kun progresemaj ideoj. Granda monhavo ne necesa. Firma materia situacio estas dezirata. Oni respondu detale, kaj se eble sendu fotografaĵon, kiu estos resendata. Diskreteco postulata kaj promesita. Poste Restante Eaux Vives 0,28, Genève (Svisio).

**Esperantistoj atentu.** — Mi bezonas sekvantajn numerojn de la gazeto „Esperanto", organo de UEA: 1914: 1, 2, 3, 4. 1916: 9/10. 1917: 2, 6, 7, 8, 9, 10, 11, 12, aŭ la plenajn jarkolektojn. Mi pagos per mono aŭ sendos ĉion ajn. S-ro O. Sklenĉka, Del. de UEA en Hradec Králové (Ĉeĥoslovakio).

**Filatelisto.** — Al ĉiu persono, kiu sendas al mi per rekomendita letero 50 aŭ pli malsamajn PM mi sendos saman kvanton de Argentinaj PM. S-ro Heraclito Moreno, Talleres F. C. S., Buenos-Aires (Argentino).

**Filatelistoj.** — Kiu sendos al mi per rekomendita letero 50 aŭ pli malsamajn PM de sia lando ricevos egalvalore malsamajn PM de Belgio. S-ro J. Pirnay-Demez, 28—30, rue Biolley, Verviers (Belgio).

**Filatelistoj.** — Al ĉiu persono, kiu sendos al mi 25 aŭ pli malsamajn PM per rekomendita letero mi sendos saman kvanton de Argentinaj kaj Sudamerikaj PM. S-ro Luis A. Argüello, 15?, strato Pichincha, Temperley F. C. S., Argentino.

**Filatelistoj.** — Mi estas en rilato kun tre granda firmo, kiu konsentas liveri pogrande Polajn PM kaj albumon. Tre belaj kaj valoraj kolektoj antikvaj kaj maloftaj, la prezo de 50 cent. ĝis 10 fr., komplete. La valoro de tiuj PM ĉiutage kreskas. Antaŭpago dezirata. Adolfo Oberrotman, 10 Krak, Przedmiescie, Varsovio (Polio).

**Filatelistoj.** — S-ro Angel Tagliaferri, La Plata 3/537 (Argentino), aĉetas, vendas kaj interŝanĝas PM kun ĉiuj landoj laŭ katalogoj Yvert aŭ Galvez, po 2.50 aŭ 10 fr. kolektoj el Sudamerikaj landoj.

**Geknaboj.** — Adresarojn de alilandaj geknaboj dezirantaj korespondi petas D-ro Privat, 2, chemin de Roches, Genève (Svisio).

**Japanaj samideanoj.** — Ricevante preskaŭ ĉiutage kartsalutojn kaj leterojn el via lando, mi petas vin, nepre skribi tre legeble, kaj ne forgesu la rimarkon, ĉu la forsendinto estas sinjoro aŭ sinjorino. La Japana nomo sole ne sufiĉas. Korajn salutojn. O. Haller, Del. de UEA, Rorschach (Svisio).

**Informo.** — Mi urĝe petas, por ano de ilia familio, informon pri S-inoj Freda Chein kaj Rebekka Tager, kies antaŭmilita adreso estis: Ilynski kaj Constantinowski stratoj, Dom Peters, 39, Saratov, Rusio, kaj pri S-ino Sonia Levine el Riga. Adresu James F. Morton, Jr., 211, West 138th St., New York, N. Y. (Usono).

**Informpeto.** — S-ro Antonio Machin, 19, Triana, Las Palmas, deziras informon pri S-ro Ferdinand La Gravière el Huy, Belgio, eksinternigito en Harderwijk.

**Kantista Societo de Moraviaj Instruistoj** petas muzikajn verkistojn de la tuta mondo kaj ĉiujn, kiuj povus tion aranĝi, por sendo de viraj ĥoraj komponajoj modernaj de ĉiuj nacioj. Sendi al S-ro Jan Šembera, membro de la K. S. M. J., Brno, Francouzská 72, Ĉeĥoslovakio. Elspezoj estos pagataj, aŭ la Societo sendos Ĉeĥajn muzikajn verkojn laŭ la deziro.

**Kolektantoj de ĉiuspecaj objektoj.** — Oni intencas eldoni vastan Polan adresaron, ankaŭ adresojn de tutmondaj Esp-istoj pri kolektantoj de ĉiuspecaj objektoj. Esp-istoj dezirantaj, ke iliaj nomoj estu en la adresaro, bonvolu sciigi per PI, aldonante 1 respondkuponon kaj ĝustan adreson. Oni ankaŭ akceptas komercajn kaj privatajn anoncojn laŭ specialaj kondiĉoj. Adolfo Oberrotman, 10 Krak. Przedmiescie, Warszawa (Polio).

**Komunista Socialismo.** — La sekretario de la Metropolitan Esperanto Club, 2633, Creston Avenue, New York City, deziras ricevi leterojn de kapablaj kaj energiaj kamaradoj, kiuj volus kunlabori pri fondo kaj sukcesigo de tutmonda komunista federacio. Ĉiuj socialistoj kaj radikaluloj estas urĝe petataj skribi tuj.

**Literatura gazeto.** — Por starigo de literatura gazeto manuskripta „Migranto", mi invitas ĉiulandajn gesamideanojn, sendi al mi originalojn aŭ tradukojn el nacia literaturo sur papero de 22 × 27 cm. Por bindigo lasu kampeton de 4 cm. Se vi ne estas desegnisto, vi povas skribi la kapon aŭ komencliterojn krajone, mi tiam prizorgos la ilustrajojn. Post bindigo, la unua kajero estos sendata **rekomendite** al plej proksima kunlaboranto, kiu post tralego ĝin sendos al la dua. Malgraŭnacianoj, ekstereŭropanoj! Konatigu vian literaturon al eksterlando. S-ro Henk Goemans, Rotterdamsche Bankvereeniging, Amsterdam (Nederlando).

**Literaturo.** — La redakcio de la Esperanta literatura gazeto „Literaturo" sendos specimenan ekzempleron de la gazeto post ricevo de respondkupono. Adresu al la Redakcio de „Literaturo", 254, Wightman Road, London N. 8, Anglujo.

**Manifesto de Nederlandaj kontraŭmilitaristoj.** — Havebla kontraŭ respondkupono ĉe G. P. de Bruin, Alleeweg 9, Enschede (Nederlando).

**Poŝtmarkoj.** — S-ino Prost, 23, place Mairie, Villeurbanne (Francio, Rhône), sendos 50 malsamajn PM de Francio al tiu, kiu sendas 50 malsamajn de sia lando per rekomendata letero. Certa respondo rapida.

**Poŝtmarkoj.** — S-ro E. Vermeulen, Wandelweg, Wormerveer (Nederlando), deziras alsendon, per deklarita letero, de PM de ĉiu lando, por kiuj li resendas samnumere saman kvanton aŭ valoron de Nederlandaj PM kaj kolonioj.

**Poŝtmarko-kolektantoj.** — Mi sendas laŭ valoro Yvert Tellier 1920, malsamajn PM de Lombardo-Veneto ŝanĝe de malsamaj PM de via lando. Preferataj militaj PM. Sendu rekomendite. Giovanni Saggiori, Via S. Eufemia 4 A., Padova (Italio).

**Reklamiloj,** prezarojn kaj aliajn komercajn Esp. presaĵojn kaj objektojn mi deziras ricevi por ekspozicio organizota en la Komerca Societo. Ĉiuj samideanoj estas petataj kunhelpi laŭpove, S-ro Adolfo Oberrotman, Krak. Przedmiescie 10, Warszawa (Polio).

**Societo de la Nacioj.** — S-ro L. Poncet, Del. de UEA, Esperanto-Oficejo, 36, rue Victor Hugo, Lyon, deziras rilati kun anoj de la Franca Asocio por la Societo de la Nacioj kaj kun anoj de similaj alinaciaj asocioj, por enkonduki Esperanton.

**Stereoskopajn surkristalajn fotografaĵojn,** 45—107 mm, mi interŝanĝas. Por tio mi pretiĝis tre artan aron da Hispanaj vidindaĵoj. Eduardo Arroyo, Jaen, Hispanio.

## INTERNACIA KOMERCO

**Tarifo:** Unu linio (= 10 vortoj) Fr. 0.50. Rabato da 10 % por 3 enpresoj kaj 25 % por 12 enpresoj.

**Cemento.** — S-ro L. Gorter, Sappemeer (Nederlando), petas prezojn de Portlandcemento. Ofertu skribe.

**Financa partopreno.** — Samideano inklina finance partopreni ĉe entrepreno Esperanta-komerca kaj internacia, sendu tuj adreson sub **A. B.** 101 al la Redakcio de „Esperanto", Museumsstr. 14, Bern (Svisio).

**Forteplanoj Germanaj.** — Mi dezirus aĉeti unuamarkan pianon. Faru proponojn al Emilo Gasse, 33, Jac. Louer, Havre (Francio).

**Hipoteko.** — 7000 Svisaj frankoj aŭ korespondа valoro en Holanda, Usona aŭ Angla valutoj serĉataj kiel unua hipoteko sur bela, novkonstruita kampardomo kun 1½ hektara tero, belege lokita ĉe mondfama altmontara kuracloko Reichenhall. — Ofertojn al Fritz Mayerhauser, UEA-Delegito, Gradierhausstr. 1, Bad-Reichenhall, Bavario.

**Malakito.** — Mi volas aĉeti krudan kupran malakiton po 1015 kilogramoj el iu lando, ankaŭ gemojn en kruda stato. Sendu specimenon kun prezo. Ĉia negoco kontante. Albert Everitt, Escondido (Usono, California).

**Pasteloj Spa-Goudron.** — Ĉiuj personoj, kiuj suferas je astmo, bronkito, tuso kaj tuberkulozo, kaj kiuj volas konvinkiĝi pri sia resaniĝebleco, ricevos rekomenditan specimenon de Pasteloj Spa-Goudron, kiuj kuracas tiujn malsanojn. Sendu kvar respondkuponojn al S-ro Ed. Desonay en Spa (Belgio).

**Reprezentado.** — Anglo kun kvinjara sperto de Nederlando kaj Nederlandanoj deziras esti nomata kiel reprezentanto por Nederlando, de la granda industrio Angla aŭ Amerika, je salajro- kaj procentajo-bazo. Adreso: „Komerco" ĉe F-ino H. Beukema, Del. de UEA, Heerestraat 12 a, Groningen (Nederlando).

**Skribomaŝinoj Germanaj.** — Mi dezirus agenti por Farejo de bonega skribomaŝino, al kiu mi prezentus la servojn de vera filialo en Francio. Mi volonte donacus al la samideano, kiu rilatigus min al tia Farejo. Emilo Gasse, 33, Jac. Louer, Havre (Francio).

**Sperta filatelisto** rekomendas sin por favora havigo de poŝtmarkoj ĉiuspecaj. S-ro Kurt Spleiss, Rathenowerstr. 52, Berlin N. W. 5 (Germanio).

PRESEJO BÜCHLER & KO., BERN